Redakcio kaj administracio: Budapest, IX., Mester-utca 53. V. 7. Telefono 380—81.

Responda redaktoro: *Karlo Bodó*

Redaktoroj: *Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche*

Ĉefkunlaborantoj: *J. D. Applebaum (Liverpool), A. Behrendt (Berlin), F. Bennemann (Leipzig), J. Berger (Köln), M. Blassberg (Krakow), S. Bartha (Budapest), Helmi kaj Hilda Dresen (Tallinn), Stellan Engholm (Nyberget), Jean Forge (Bydgoszcz,) Petro Firu (Bucurest), S. Grenkamp Kornfeld (Paris), Parvus Piscis (Budapest), R. Hromada (Praha), Teo Jung (Köln), I. Yurista (Czesztohowa), S. Kamaryt (Bratislava), E. Knutsson (Malmö), I. Lejzerowicz (Lodz), W. Lippmann (Leipzig), Miloŝ Lukáŝ (Trnava), Alessandro Mazzolini (Fano), T. Morariu (Cluj), L. N. Newell (Paris), P. Nylen (Stockholm), Jan van Schoor (Antwerpen), Kenelm Robinson (London), K. R. C. Sturmer (London), R. Schwartz (Paris), L. E. Thomson (Pymble, Aŭstralio), G. Waringhien (Lille), Leono Zamenhof, Feliks Zamenhof, Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld (ĉiuj en Warszawa).*

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas. Por la publikitaj artikoloj, faritaj por la rubriko Observo, L. M. pagas sen kliŝo 10.— pengojn, kun la prunta alsendo de necesaj kliŝoj 15.— pengojn. La kostojn de la kliŝosendo kovras LM.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

## NIA POŜTO

*S-ino E. R. Altstetten.* Dankon por la mendo. Bedaŭrinde s-ro Lejzerowicz ĝis nun ne havas verkojn eldonitajn en libroformo. En la plej proksimaj monatoj aperos ĉe ni liaj noveloj sub titolo »El la Verda Biblio«.

*Ch. V. St. Quentin.* Ni ricevis vian abonon la 29-an de marto kaj ekspedis la unuajn tri numerojn la 2-an de aprilo. Espereble dume vi ricevis ĉion en bona ordo.

*G. F. St. Russa.* En viaj poemoj certe ekfajreras poeta talento, sed ili ankoraŭ ne ŝajnas al ni sufiĉe maturaj por publikigo. Kuraĝe antaŭen.

*M. L. Praha.* Jam aperintan poemon principe ni ne publikas. La alia poemo estas tro proza, malgraŭ la kelkaj rimoj. Eble alifoje.

*A. D. Leipzig.* Publiki tiom longan poemon estas tre malfacile, pro tio la malfruo. Kompreneble tuj, kiam ni havos la unuan okazon, ni publikos ĝin.

*CH. D. Winnipeg.* Jen respondoj je viaj »pinglopikoj«: 1) adreso korektita: 2) Estas por vi bonskribita la sumo, pagita por Literaturo, tial ni ne admonis vin pri fino de abono ! La premio certe perdiĝis survoje, nun ni sendas duan fojon. 3) Hungara Antologio enhavos $^3/_4$ da prozo kaj $^1/_4$ da poemoj. Pri la verkistoj vi trafis. Ni presos verkojn, kies aŭtoroj rolis de 1880 ĝis la nunaj tagoj, sed kiuj tamen jam aperigis sian unuan verkon antaŭ la milito. Eble iam sekvos antologio de postmilitaj verkistoj. Cetere ni tre dankas viajn rimarkigojn kaj la afablajn hungarajn vortojn. Salutojn al amiko Franyó.

*P. D. Pamekasan.* Mono bone alvenis. Libro kaj gazetoj kun fakturo senditaj. Bonvolu sendi bankbiletojn en letero, ĉar la hungara nacia banko severe malpermesis akcepti poŝtmandatojn. Ĉu vi ne scias tie iun filateliston, kiu deziras interŝanĝi kun serioza eŭropa filatelisto ?

*N. H. Watsonwille.* Dankon por la letero. Mono ambaŭfoje bone ricevita, mankanta libreto jus sendita. S-ro Eroŝenko laŭ nia scio ne verkas nun. Ni ĉiam volonte presas interesajn aktualaĵojn. Vidu Modernaj Fabeloj, Wima ks.

*H. B. Oslo.* Dankon por la vortludo tre sprita. Sekvo ke ni tuj sendis la petitan.

*Centra Librejo Esperanto.* Haga ne respondas al ni depost kelkaj monatoj. Ĉu la administranto estas tiom grave malsana ?

## POŜTO DE ENCIKLOPEDIO

*S-ro Kawasaki.* Eble perdiĝis la demandfolioj surposte. Ni sendis novan kvanton de demandfolioj. Ĝoje ni konstatis la progreson de via laboro. — *S-ro Butler.* Koran dankon al vi, al s-ro Page kaj al BEA pro la sindona valora helpo. La frua aranĝo de la artikoloj kaj biografietoj pri la brita movado estis necesa, ĉar Britujo havas lokon komence de la verko. — *S-ro Stamatiadis.* Ni kvitancas danke la detalajn klarigojn. Nia intenco estas aperigi kiel eble plej multajn el niaj artikoloj en la gazetoj aŭ alie. Celo : antaŭ la definitiva aperigo ni ŝatus ricevi kritikojn seriozajn. Sed la unua aperigo de tiaj sciencaj artikoloj prezentas avantaĝojn ankaŭ por niaj gazetoj. — *S-ro Wiesenfeld.* Via laboro pro la teritoriaj ŝanĝoj post la milito estas iomete pli malfacila. Okazos, ke via artikolo pri Pollando enhavos detalojn, kiuj estos pritraktataj ankaŭ en la artikoloj pri la rusa, aŭstria, germana movado, sed la redakcio ne forgesos pri la komparo de la tekstoj. — *S-ro Kamaryt.* Ni volonte komisias vin verki ion pri la ĉeĥoslovaka movado. Detalojn en letero. — *S-ro Won Kenn.* Koran saluton al vi, kiu en tia malfacila stato de via patrujo verkos artikolon pri la ĉina movado.

## GRAVA INFORMO

Niaj tre ŝatataj klientoj bonvolu noti, ke laŭ la ordono de la Hungara Nacia Banko, ni ne rajtas liveri librojn eksterlanden, por kiuj oni pagas per poŝtmandato. Ni devas do peti sendi la monon al ni en la mono de la koncerna ŝtato per valor- aŭ rekomenditaj leteroj. Tamen ni povas akcepti nur la plej konatajn monunuojn (usona dolaro, svisa franko, germana marko, angla funto, franca kaj belga frankoj, sveda, norvega kaj dana kronoj, pola zloty, italaj liroj, ĉeĥaj kronoj, ŝilingo, guldeno, leo, dinaro, levo). Aliajn bonvolu ne sendi.

**Nia sekva numero aperos la 20-an de majo**

# AL LA VERA VIZAĜO DE GOETHE

— Ludoviko Totsche —



Li estis unu el la plej miskomprenitaj homoj. Pli ol duoncentjaron vivtenis sin la legendo pri la figuro de ekstreme egoista, frostĝentila, hommalama kaj hommalestima maljunulo, ĝis fine penetremaj esplorantoj de l' Goethe-verkaro elfosis la dokumentojn, kiuj nekontesteble pruvas, ke la legendo estis nur legendo. Al la vivo de l' elstaraj reprezentantoj de l' homaro la postepoko algluas imagitajn historiojn, tio ja estas natura, en tio manifestiĝas la scivolo de l' amaso kontraŭ la privata, *homa* flanko de l' genio. Kaj ĉu estas mirinde, ke tiu ĉi scivolo ne ĉiam estas bonvola? La amashomo ne povas pardoni al iu, kiu kreskis pli alta ol li. Estas do kompreneble, ke la fantazio de l' nuna homo, se temas pri Goethe, pleniĝas per malprecizaj, parte aŭ tute malveraj notoj, anekdotoj, kiuj vualas la ankoraŭ nun ombroĵetantan silueton de tiu ĉi giganta Homo.

Kio klarigas la sekreton de la Goethe-sfinkso? Emil Ludwig volas ĝin solvi tiel, ke li dividas la potencan spiriton de l' titano je demono kaj genio. Lia demono pelas lin al la sensaj ĝuoj, al la potenco, al ĉio, kio kapablas lin kapti en la reto de l' normala homa vivo, kaj lia genio savas lin ĉiam kaj liberigas lin por plenumi sian nemorteman taskon. Mi sentas tiun ĉi dividon arbitra, falsa. Ĝuste lia genio pelas lin per demona forto, ĝuste lia genio ne lasas lin longtempe ĝui la rapidajn momentojn de l' feliĉo, ĝuste lia genio igas lin oferi lian vivon, lian personecon al la celo: al la plena manifestiĝo kaj eterniĝo de la genio. En la lastaj jaroj de sia vivo jam ne vivas la homo Goethe, sed nur la genio-Goethe, el kiu forvelkis ĉiu persona sento kaj rilato, al kies ekzisto donas sencon sole la grandioza tasko: la finigo de Faust. Kelkajn semajnojn post la finita laboro li mortis. La maljunulo nur tiel povis konservi sian vivon por la laboro, ke li evitis ĉiun emocion, kiu estus endanĝeriginta lian vivon kaj per tio malhelpinta lian laboron. »Mia sopiro, ke la piramidon de mia ekzisto, kies fundamento estas donita kaj sur firma bazo, mi levu kiel eble plej alten, superas ĉiujn aliajn kaj eĉ ne toleras, ke mi forgesu ĝin. Ne licas al mi malfruiĝi, jam multaj jaroj premas miajn ŝultrojn, eble meze de l' laboro rompos min la sorto, kaj la babela turo restos stumpa. Almenaŭ oni diru, ke ĝi estis aŭdace planita.« Se ni plene trakomprenas la heroecon, la superhomecon de lia fortostreĉo kaj volenergio, ni ne staras senkomprene antaŭ la antikve rezigna, sola frazo, per kiu li forige akceptis la sciigon pri la morto de sia unuanura filo: »Mi scias, ke mi generis morteman filon!« Kaj li returnis sin al sia laboro kun la vortoj, kies titana tragiko tempeste tremskuas nian animon: »Und so, über Gräber vorwärts!« (Kaj tiel, super tomboj, antaŭen!)

Ni ne povas pli inde enkonduki nian nunan numeron, dediĉitan al la centenario de Goethe, ol per liaj propraj vortoj; vortoj, kiuj refutas la alian legendon, ne malpli stupidan kaj ne malpli popularan, pri la *klasika* verkisto, kiu ĝuste pro lia klasikeco jam ne plu legeblas en nia »moderna epoko«. Ho, kiom malproksime ni estas de la moderneco de Goethe! — Do ni aŭdu la vortojn de Goethe, kiuj kondukas nin al pli fidela kono de kelkaj trajtoj de lia vera vizaĝo...

*

Ĉiu sufero enhavas ion dian: ĉar, ĝis ĝi estas sufero, ĝi devas esti ankaŭ eltenebla, kvankam malfacile kaj pene. Por homo, kiu sub ĝi sterniĝas aŭ kiu tute ne sentas ĝin, ĝi ne estas plu sufero.

*

La pasioj estas mankoj aŭ virtoj, nur pliigitaj. Niaj pasioj estas veraj feniksoj. Kiam la malnova forbrulis, tuj leviĝas la nova el la cindroj.

*

Certe la plej sentema naturo povas iĝi la plej malvarma kaj dura; ĉar li devas ĉirkaŭigi sin per dura kiraso por certigi sin kontraŭ malmildaj kontaktoj, kaj tiu ĉi kiraso ofte iĝas ŝarĝo eĉ por li mem.

*

Eltenita malagrablaĵo havas ian propran ĉarmon.

*

La genio ŝajnas al mi ĉiam kvazaŭ kalkulmaŝino: ĝin oni ekturnas kaj la rezulto estas ĝusta: ĝi ne scias kial? aŭ kiel?

*

La homo venas en la mondon morale same nude, kiel korpe, kvankam pli malfrue en tiu ĉi senco. Tial estas lia animo tiom sentema kontraŭ la ekstera vetero, kvankam li iom post iom kutimiĝas al ĝi ĝis certa grado.

*

Verdire »vivi« ne signifas multe pli, ol multon »postvivi«.

*

Oni devas ĉiam transformi, renovigi, rejunigi sin por ne resti stagne.

*

La duonscio malhelpas la scion. Ĉar ĉiu nia scio estas nur duonscio, do nia scio ĉiam malhelpas la scion.

*

Por nova vero nenio estas pli malutila ol malnova eraro.

*

Oni vivas bone nur, se oni forgesas, ke oni vivas.

*

# En Weimar

**— Miklos Hajnik —**

La ĉambro de l' hotelo estis establita per tiaspecaj mebloj, kiajn en mia infanaĝo mi vidis en la loĝejo de mia avino, en la Fortikaĵo de Buda. Kaj tiel do konata estis al mi la ĉirkaŭaĵo en Weimar, kvankam mi ne konis eĉ unu homon. Mi ne tre sciis, kiel mi venis tien kaj pro kio mi loĝas tie jam tri tagojn? Sed tiomloke mi jam vojaĝadis sen ia kaŭzo kaj sen ia celo, ke al mi vere neniam venis en la kapon: cerbumi pri tio, kial mi estas ĝuste tie kaj ne aliloke?... Ĉar ie ja oni devas esti, dum oni entute devas esti.

Sed nun, ĉi tie en Weimar, ne estis tute tiel, kiel antaŭe en Parizo, Genua, Firenze, Venezio, Fiume, Kassa, Klagenfurt, Luzerne, Budapest, Milano aŭ München. Tute stranga urbeto estis tiu ĉi Weimar: tian mi ne vidis ankoraŭ. Mi ja apenaŭ kuraĝis iom eliri el la hotelo: ia tute fremda sento min kaptis, kiam kelkfoje mi promenis en la urbo. Oni tre gapis al mi, fingre montradis sur min kaj tion mi ne ŝatas. Kaj tiel mi prefere restis en mia ĉambro.

Kial mi ne vojaĝis plu?... Ĉar min retenis ia tute stranga interesiĝo. Aŭ ĉu eble timo ĝi estis? Nome, mi sentis tute certa, ke *ĉi tien* neniam plu, inter neniaj cirkonstancoj mi povos reveni, se iam de tie ĉi mi jam foriris. Kaj adiaŭi ion por eterne estas ĉiam malagrable. Mian senton de libero ofendas la penso, ke ekzistas loko, kien *neniam plu, inter neniaj cirkonstancoj* mi povas reveni.

Kaj krome: tre interesa estis tiu ĉi urbo. Pacaj strat-etoj, antikvaj domoj, homoj en multkoloraj vestoj, la blankperuka arĥiduko kaj arĥidukino. Kvazaŭ en Biedermeyer-opereto trapromenus la scenejon viro en moderna blua vesto, ciritaj ŝuoj kaj pajloĉapelo.

Oni frapis la pordon de mia ĉambro. Kaj la pordisto enpaŝis kaj mallerte, profunde sin klinis — tio min surprizis, ĉar ĝis nun oni sufiĉe ignoris min ĉi tie — kaj solene anoncis:

— Sinjoro Kroeuter demandas, ĉu vi emas lin akcepti?

— Kiu estas tiu sinjoro Kroeuter? — mi demandis.

La pordisto rigardis min mirante.

— Ĉu vi ne bonvolas koni la sekretarion de Lia Ekscelenca Moŝto?

— Bone, — mi diris — diru al li, ke mi atendas lin.

Kvankam mi eĉ ne konjektis, kiu povas esti tiu Lia Ekscelenca Moŝto, kies sekretario min vizitas?

Post momentoj paŝis en mian ĉambron unu el la operetfiguroj promenantaj en la urbo. Li surhavis violkoloran redingoton kaj blankan pantalonon, nigrajn bantajn ŝuojn, papagverdajn ŝtrumpojn. Kolombogrizan cilindroĉapelon de nekutima formo li tenis ambaŭmane antaŭ sia stomako. Tri paŝojn antaŭ mi li haltis, iom klinis sin kaj ceremonie komencis:

— Mi estas Kroeuter, la sekretario de Lia Ekscelenca Moŝto sekreta konsilanto Johann Wolfgang von Goethe.

— Mi tre ĝojas, — mi diris — mi tre ĝojas.

La sinjoro sekretario momenton paŭzis, dum suspekte li rigardis min. Poste li daŭrigis:

— Laŭ la komisio de Lia Ekscelenca Moŝto mi havas la honoron peti la sinjoran moŝton, bonvolu honori lian hodiaŭan vesperon per vizito.

— Mi tre ĝojas, — mi diris — kaj mi sentas min tre honorata. Nepre mi iros, se intertempe ne venos io alia al mi en la kapon. Ĉi tio do estas en ordo, sinjoro Kroeuter, mi tre dankas. Nur unu demandon: diru do, sinjoro sekretario, kiel ekpensis Lia Ekscelenca Moŝto, ke li min invitos. Li ja ne konas min kaj ne tre povis min vidi.

---

Veninte en la societon, la ŝlosilon de l' koro oni tuj elprenas kaj enpoŝigas; kiuj ĝin lasas en poŝo, tiuj estas stultuloj.

*

Ŝajnus, ke la filo neniloke evoluas pli bone, ol en la proksimo de la patro. Tute ne!... tio estas ĉarma patra eraro: la patro konservas ĉiam specon de despota rilato al la filo, kies virtojn li ne rekonas, kaj pri kies mankoj li ĝojas; tial jam la antikvuloj kutimis diri, ke la filoj de l' herooj iĝas sentaŭguloj, kaj mi sufiĉe larĝe ĉirkaŭrigardis en la mondo por tion klare rekoni.

*

Verdire la homo estas destinita efiki per ĉeesto. La skribo estas misuzo de la lingvo, silente por si mem legi estas trista surogato de l' parolo. La homo al la homoj efikas ĉiom, kiom li povas, per sia persono, la juneco plej forte al la juneco, kaj ĉi tie burĝonas la plej puraj efikoj. Kaj jen kiuj la mondon viviĝas kaj nek morale, nek korpe lasas elmorti.

*

Oni povas kaj devas nek demeti, nek malkonfesi siajn ecojn. Sed oni povas ilin formi kaj doni al ili direkton.

*

Se iu volas skribi klaran stilon, antaŭe estu al li klare en la animo; kaj se iu volas skribi grandiozan stilon, li havu grandiozan karakteron.

Neniel oni fuĝas de la mondo pli certe ol per la arto, nek kroĉiĝas al ĝi pli certe ol per la arto.

*

Kiu la muzikon ne ŝatas, tiu ne meritas, ke oni nomu lin homo: kiu nur ŝatas ĝin, tiu estas nur duone homo, sed kiu praktikas ĝin, tiu estas tuta homo.

*

Ofte la artistoj ŝajnas al mi kiel patroj kaj patrinoj, kiuj generas vere ĉarmajn infanojn, sen ke ili scius, kiel tio okazas?

*

La milito vere estas malsano, kie la sukoj destinitaj por servi la sanon kaj vivtenon, estas uzataj por nutri ion fremdan kaj kontraŭnaturan.

*

La franco de l' kapo ĝis la piedo estas same homo kiel la germano.

*

Se kuraĝa homo per propra vivdanĝero iun savas, ĉu tio ne estas morala ago?

Laŭ mia opinio: ne! Sed se timema homo superregas sian timon kaj faras la samon: tio estas morala ago.

*

La homoj devus miri nur pri tio, ke homo havas ankoraŭ virtojn. La pekoj estas memkompreneblaj.

La sinjoro sekretario tre embarasiĝis pro tiu ĉi simpla demando.

— Mi petas — li diris pardonpete, — mia tasko estis nur, ke vin mi invitu en la nomo de Lia Ekscelenca Moŝto. Lia Ekscelenca Moŝto ne donis al mi permeson, ke mi komuniku al vi la cirkonstancojn de la invito.

— Sed sinjoro Kroeuter, — mi diris — ne estu tiom ceremonia kaj ne parolu tiom diplomate. Mi permesis al mi fari al vi simplan demandon, kiun vi povas simple respondi. Vere, nenia ŝtatsekreto estis en tio, kial invitis min Lia Ekscelenca Moŝto. Nu, ĉu ne? Eĉ, mi opinias, miaparte tiu ĉi demando estas plene rajta. Ĉar ja, se min, kiel tute fremdan homon, iu distingas per invito, mi nepre havas rajton interesiĝi: dank' al kio min trafis tiu ĉi distingo? Bonvolu do min informi pri la anticipajoj de tiu ĉi neatendita invito, tiom pli, ĉar alimaniere mi ne havos eblon akcepti la honorantan inviton.

La sinjoro sekretario fariĝis ankoraŭ pli embarasa.

— Mi petas, — li komencis — sinjora moŝto, ŝajnas, ne konas la ĉi tieajn cirkonstancojn kaj la mondfaman signifon de Lia Ekscelenca Moŝto. Nome ĉi tie ĉiujare travojaĝas centope la plej eminentaj fremduloj, la plej grandaj geniuloj kaj famuloj de la kulturmondo kaj ankoraŭ al neniu venis en la kapon rifuzi la inviton de Lia Ekscelenca Moŝto. Ili ja venis ĉi tien por lin vidi kaj ili rigardis plej granda distingo havi la honoron, ke Lia Ekscelenca Moŝto akceptis ilin. Kaj ĝuste vi...

— Nu jen, sinjoro sekretario, — mi diris — ĉu ne, mi pravis, kiam mi interesiĝis pri la anticipajoj de l' invito? Ĉar tiu ĉi »ĝuste vi«, jen kio perfidis ĉion. Ĉi tio malkaŝis, ke ankaŭ vi ne trovas komprenebla kaj natura la inviton de tute fremda homo. Nu, ĉu ne? Bonvolu do mallonge klarigi, kial venis ĉi tio al Lia Ekscelenca Moŝto en la kapon?

Kaj mi aldonis akcente:

— Tiom pli, ĉar alimaniere ĝuste mi estos, kiu rifuzos la inviton de Lia Ekscelenca Moŝto.

— Mi petas, — ekparolis la sinjoro sekretario post longa hezitado — se sinjora moŝto certigas min, ke tiu ĉi interparolo restos tute inter ni kaj vi ne aludos pri ĝi antaŭ Lia Ekscelenca Moŝto eĉ per unu vorto, mi diros al vi.

— Mi certigas vin pri mia plej plena diskreto, — mi deklaris solene.

— Tiel estis, mi petas, — li komencis fine — ke la alveno de sinjora moŝto vekis grandan sensacion. Vi bonvolas scii, malgranda urbo estas tiu ĉi Weimar. Kaj cetere, la fantazia vesta maniero de la sinjora moŝto, mi opinias, faras komprenebla tiun ĉi sensacion.

Senvole mi trarigardis min. Blua vesto estis sur mi, nigraj laĉaj ŝuoj, nigra kravato, nigraj ŝtrumpoj, pura kolumo: vere, pli diskrete mi ne estus povinta min vesti. Kaj ĝuste tiu ĉi operetfiguro, sin vestinta en papagaj koloroj, trovas min sensacia?...

— Kaj krome, — daŭrigis la sinjoro sekretario — vi neglektis ĉiujn ĉi tie. Mi petas, tio ne estas kutima ĉe ni. Ĉi tie estas kutime, se fremdulo alvenas, kiu sin opinias io, ke tiu metas sian vizitkarton ĉe la arĥiduko kaj ĉe Lia Ekscelenca Moŝto. Poste, se oni invitas lin, li ĝojas, kaj se oni ne invitas lin, nu... Li povas trankvile promeni en la urbo, li povas iri en la teatron, li povas fari, kion li volas, ĉar lia afero estas en ordo kaj neniu miras pri lia restado. Ĉe ni, mi petas, tio ĉi estas kutimo...

— Estas en ordo, — mi diris — mi komprenas... Kaj nun mi jam trovas tiom pli nekomprenebla la inviton de Lia Ekscelenca Moŝto. Ĉar, ĉu ne, pri tiu, kiu sin ne submetas al la kutimoj kaj etiketo, oni ne

## Proverbe kaj sentence

**— Goethe —**

La »Nia Patro« — bela preĝo pia.
Ĝi helpas en mizer' kaj misdestin'.
Tamen, se iu preĝus »Patro Nia«,
Je l' nom' de Dio, lasu preĝi lin.

*

Ja pli facile estas kronon plekti,
Ol kapon indan por la kron' elekti.

*

Ne estus pli da korĉagren',
Ol esti sola en Eden'.

*

Mil muŝojn mi vespere murdis pene,
Kaj tamen *unu* vekis min matene.

*

La homo ege pigra, sibarita,
Se flugus al buŝ' kolomb' bakita,
Fiere kaj indigne ekprotestus,
Se ĝi ne lerte distranĉita estus.

*

Vestu bele stangon ajnan,
Havos vi fraŭlinjon ŝajnan.

*

»Vi ne efikas, ĉio stagne staras.«
Trankvilu per rekono:
En marĉo ne faras
Ringojn la ŝtono.

*

Mi la amason ne malŝatas,
Ĝi al mi plaĉas, se ĝi batas.
Ĝi estas tiam respektinda, vere.
Sed juĝi ĝi sukcesas tre mizere.

*

Pro kio al ni Dio tiom karas?
Ĉar li neniam nian vojon baras.

*

»Ekkonu vin!« Sed — kion mi ricevos?
Se mi ekkonos min, mi fuĝi devos.

Jes, kvazaŭ mi al maskobalo venus,
Kaj mian maskon oni tuj deprenus.

Ekkoni la aliajn — tion provu,
Por ke vi ilin flati, aŭ piki povu.

*

Tuj decidas li pri l' ago,
Jen la brava hom' sen dub',
Li sin ĵetas al la lago,
Por rifuĝi de la pluv'.

*

La stultulaĉon
La sortfavor' ne savas.
Se pluvas kaĉon,
Kuleron li ne havas.

*

Naskiĝus certe edukitaj idoj,
Se la gepatroj estus edukitoj.

*Tradukis:* **K. Kalocsay**

## *Proverbe kaj sentence*

**— Goethe —**

*

Kial vi vin de ni forbaras,
Ignoras nian opinion?
Ne por vin plaĉi mi verkojn faras,
Sed ke vi lernu ion.

*

La amikoj.
Ho, ne lamentu pro la plagoj,
Ja post la plej malbonaj tagoj
La vivon oni ree gaje ĝuas.

Hiobo.
Parolo via ŝajnas moko.
Se jam fritita la ezoko,
Kiom ĝin helpas, ke l' rivero fluas?

*

Min ne malplaĉas la amaso.
Sed se ĝin kaptas embaraso,
Ĝi vokas tuj, por bridi la Satanon,
Friponon kaj tiranon.

*

Se pekis vi, ne sentu tro malĝojon.
Eraro montras al la am' la vojon.
Se vi en via propra peko dronas,
Volonte la aliajn vi pardonas.

*

»Vi pensas pri l' senmorta viv'.
Sed ĉu vi povus ĝin motivi?«
Jes, certe. Jen la ĉefmotiv':
Sen ĝi la hom' ne povus vivi.

*

Akceptu tiel mian opinion,
Kiel mi gvidas, zigzagmaniere.
Aliaj ja eldormas la ebrion,
La mia — staras surpapere.

*

»Diru, ĉu vi eĉ ne respondas
Al tiuj, kiuj vin atakis?«
Diru ĉu do vi volus paŝi
Sur lokon kien oni...

*

Ni.
Freneza bub', konfesu nun sen kaŝ',
Vin oni trafis ĉe l' erara paŝ'.

Li.
Jes, sed mi ĝin riparis, sciu!

Ni.
Kaj kiel?

Li.
Laŭ manier' de ĉiu.

Ni.
Sed kiel do vi tion faris?

Li.
Per nova peko mi eraris.
Pro ĝi la homoj tiel ĝojfrenezis,
Ke la malnovan ili tuj forgesis.

*Tradukis: **K. Kalocsay***

kutimas zorgi. Kaj precipe estas nenia kaŭzo lin inviti. Sed tiel tamen pro kio faris tion Lia Ekscelenca Moŝto?

— Tion ankaŭ mi ne komprenas, — respondis simple la sinjoro sekretario. — Lia Ekscelenca Moŝto havas kapricojn. Eble tial...

— Sed, entute kiel eksciis Lia Ekscelenca Moŝto, ke mi estas tie ĉi en Weimar kaj ke mi entute estas sur la tero, se licas demandi?

— Mi petas, li ekscíis. Ĝuste ĉar vi iris-venis ĉi tie en tia stranga, nekutima vesto... Mi petas pardonon, sed mi devas diri, ke tie ĉi vin ĉiu opiniis frenezulo. Ankaŭ mia modesta persono. Kaj kiam ĝuste sub niaj fenestroj vi promenis, mi montris vin al Lia Ekscelenca Moŝto, kiel kuriozajon. Kaj Lia Ekscelenca Moŝto atente rigardis vin kaj diris ion tute nekompreneblan. Nome li diris, ke tiu ĉi fremdulo — tio estas vi — estas por li revelacio el alia mondo. Jes, Lia Ekscelenca Moŝto diris, ke el iu nekonata kontinento, aŭ eble fremda stelo vi falis ĉi tien en Weimaron kaj li nepre volas paroli kun vi.

— Do, ĉi tio estas sufiĉe nekomprenebla, — mi diris. — Sed nun mi jam komprenas, kial invitis min Lia Ekscelenca Moŝto? Mi volis ekscii nur ĉi tion. Mi tre dankas vin, sinjoro Kroeuter. Nepre mi havos la honoron hodiaŭ vespere ĉe Lia Ekscelenca Moŝto.

Mi tagmanĝis, poste mi longe dormis. Kiam mi vekiĝis, jam vesperiĝis. Mi rapide min levis, lavis, kombis; brosis mian veston kaj ekiris. La pordisto klarigis, kiel mi povas trovi la domon de Lia Ekscelenca Moŝto.

Kaj baldaŭ mi estis tie.

En la pordego staradis maljuna servisto, kiu kondukis min supren, en la ŝtuparejo, kiun ornamis gipsaj kopiaĵoj de antikvaj statuoj.

La servisto malfermis pordon kaj mi venis en grandan salonon, en kiu estis neniu. Sed jam, post mi, ekstere, en la ŝtuparejo, aŭdiĝis vigla babilo kaj paŝoj, signante, ke alvenis pli granda societo. Mi hezite staris en la salono, kiam enpaŝis viro ĉirkaŭe kvardekjara, sin prezentis, ke li estas Goethe kaj petis min, ke mi sidiĝu. La pordo malfermiĝis kaj viroj, virinoj envenis, kun bona humoro kaj vigle, ridante. Kiam ili ekvidis min, ili subite eksilentis, kaj signifplene rigardis unu la alian. La juna Goethe min prezentis al ĉiu, dirante konscience la rangon antaŭ ĉiu nomo, ĉiu estis konsilanto, tion mi memoras. Aŭ interna sekreta, aŭ aŭlika, reĝa aŭ regna konsilanto, sed ĉiu estis konsilanto. Riemer, Zelter, Vogel, Schmidt, Rehbein: tiaspecajn homojn ili havis.

Teon ili servis poste. Sinjorino, kun agrabla eksterajo, ĉirkaŭe tridek-tridekkvinjara, estis la dommastrino, ŝi ne estis seninteresa virino, kvankam jam iom velkinta. Ĉiam pli kaj pli novaj gastoj alvenis, la interaj pordoj de l' salonoj malfermiĝis kaj la salonoj iom post iom pleniĝis.

Mi sidis silente en angulo kaj gapadis. Nun mi jam ne sentis min fremda kaj ne estis nekutima eĉ la stranga vesta maniero de la homoj, kio sur la strato estis tiom surpriza al mi. Ĉar tiel, kiam mi trarigardis la salonojn, mi havis la certan senton, ke mi ĉeestas maskan festvesperon. Kaj tiajn mi jam vidis multe en mia vivo.

Cetere ja ĉeestis tie bonedukita societo kaj ŝajnis, ke tiu ĉi domo estas establita por similaj festvesperoj. Atentemaj lakeoj, bona priservo, ĉio abunde. Komfortaj foteloj kaj seĝogrupoj en la anguloj de l' salono, tiel aranĝitaj, ke oni povis aparteni al la societo tie sidanta, aŭ povis sidi ankaŭ tute aparte. Oni povis babiladi,

sed kiu volis, tiu povis ankaŭ silenti. La plej multaj ŝajnis koni unu la alian kaj ĉirkaŭ mi estiĝis vigla konversacio.

Subite, tute sen transiro, silentiĝis la gaja murmuro. Mi surprizite suprenrigardis kaj tiam mi ekvidis sur la sojlo altan, maljunan sinjoron, sur kiu oni povis vidi, ke li estas neĉiutaga homo. Li estis en nigra frako, tute sen ordenoj, nur sur lia maldekstra flanko brilis granda arĝenta stelo apartenanta al ia grandkruco. Lia krispa, griza, jam ne tro densa hararo, alsupre kombite, ŝajnis ankoraŭ pli blanka sur lia okulfrape bruna haŭto. Sur lia vizaĝo nuraj profundaj, interesaj sulkoj, kiuj distiriĝis en modesta rideto. Tiu ĉi modesto iom ŝajnis esti en groteska kontrasto kontraŭ la italeca, kvazaŭ sovaĝa ekfulmo de liaj nigraj okuloj.

Li venis antaŭen, malrapide, irante al ĉiu, manpremante, ŝanĝante kelkajn vortojn kun ĉiu. Kiam li atingis min, mi stariĝis kaj restis estimplene staranta. Lia filo paŝis al ni kaj prezentis min al sia patro. Ni manpremis. Li interesiĝis, kiel mi fartas en Weimar kaj tuj li aldonis, ke li esperas, ke mi pasigos ĉi tie agrablajn tagojn. Kaj li jam iris plu. Mi residiĝis sur mian lokon kaj pace manĝis el la granda telero da anserhepatpasteĉo. Nome ĝin mi tre ŝatas kaj ĝin de longe ne manĝis. Kaj cetere ĝi estis bonega, farita kun fungo. Atenta lakeo verŝis por mi ankaŭ vinon, ĝi estis tre bona Niersteina kaj eminente harmoniis kun la anserhepato.

Dume Goethe trapasis la salonojn kaj jam venis returne. Kaj li malaperis denove sur tiu pordo, kie li estis enpaŝinta.

La lakeo portis al mi boneksteran kremtorton. Mi ĝuste preparis min por ĝia inda akcepto, kiam alpaŝis mia tagmeza vizitanto, sinjoro sekretario Kroeuter kaj diris mallaŭte, ke Lia Ekscelenco tre petas min, ke mi faru la komplezon, iri al li por kelkaj minutoj.

Kaj jam iris antaŭ mi la sinjoro sekretario, montrante la vojon. Kaj mi paŝadis post li. Mi estis iom ekscitita, ĉar mi memoris, ke mi tute ne legis ĉion de Goethe, kaj, kion mi legis, eĉ tion mi jam de longe forgesis. Kaj ĝenerale la verkistojn ja malagrable tuŝas, se iu ne konas iliajn verkojn. Nu egale. Nun mi ja ne povas ilin subite tralegi ! kaj cetere, tion mi ne devas malkaŝi.

Ni paŝis en ĉambreton, kiu ŝajnis malhela post la brila ilumino de la salonoj. Nur du kandeloj lumis. Ĉio estis ruĝa en tiu ĉambro, ruĝa kiel husara pantalono : la tapiŝo, la kusenaj seĝoj kaj la komforta kanapo. La muron ornamis kadritaj desegnaĵoj kaj en la angulo staris eta fortepiano.

Dume la sekretario paŝis en la apudan ĉambron. Kaj post momento staris antaŭ mi Goethe. Li proponis lokon al mi sur la kanapo kaj sidiĝis kontraŭ mi sur apogseĝo.

Kelkajn momentojn estis tia silento, ke eĉ la kraketo de la brulantaj vakskandeloj fariĝis aŭdebla. Goethe rigardis min kun streĉitaj okuloj. Poste li plurfoje karesis sian frunton per tremanta mano, kostis videblan fortostreĉon al li repreni firman teniĝon. Fine li ekparolis kun altrudita rideto :

— Mi petas vin, pardonu al mi, maljunulo . . . Sed min kaptis malgranda svena atako, kio ne estas miriga en mia aĝo. Kaj krome, mi devas konfesi, mi sentas min tute strange en via ĉeesto. Nome mi havas la konsternan senton, ke vi ne estas tia vivanta homo, kiaj estas ĉi tie, ĉirkaŭ mi . . .

— Ho, mi petas, — mi diris — tiurilate mi povas tute trankviligi Vian Ekscelencon. Bonvolu preni mian manon, mian pulson.

## Proverbe kaj sentence

**— Goethe —**

Bone, se en silent' vi pure nestas,
Sen zorgo pri l' tempestaj krioj.
Ju pli vi sentas, ke vi homo estas,
Des pli similas vi al dioj.

*

Adoru fajron dum cent jaroj — poste
Enfalu : ĝi vin manĝos haŭte-oste.

*

La pura rimo — jen plezur',
Sed pli valoras pura penso,
Plej nobla don' de l' homa menso,
Ol ĉiu rima pur'.

*

»De l' majstroj ĉiam mi min forfermis.
Imiti estus al mi honto.
Jes, ĉion de mi mem mi lernis !«
Nu, ĝi aspektas laŭ la fonto.

*

De l' patro estas la statur',
Serioza vivsistemo,
De l' panjo : gajo de l' natur',
Kaj ĝoja fabelemo.
Flamis la av' por dama bel' :
Tio min ofte pikas.
Avinon ravis or', juvel' :
Tra l' membroj ĝi ja tikas.
Se l' elementoj do sen dub'
En miks' ne divideblas,
L' original' de l' tuta bub'
En kio do videblas ?

*

Sciencon, arton posedante
Oni havas religion.
Sed tiujn du ne posedante
Oni havu religion.

*

La ĉarmaj junaj kapoj estas
Ja ĉiuj el la sama ras'.
Min kiel sian majstron festas,
Sed iras laŭ la propra naz'.

*

Se l' virinoj amas kaj malamas,
Tio pompas, prave ni aklamas.
Sed je ili juĝas kaj rezonas,
Tio ofte tre mirige sonas.

*

Havaĵ' perdita — iom perdita.
Vi devas ekpensi,
Per nova kompensi.
Honor' perdita — multo perdita,
Per glor' tuj kompensi,
Kaj devos la homoj alie pri vi pensi.
Kuraĝ' perdita — ĉio perdita.
Prefere esti nenaskita.

*Tradukis:* **K. Kalocsay**



**Frankfurt a. M.**
*La laborejo de la juna Goethe en la gepatra domo (Werther, Goetz. Clavigo).*

Kaj mi etendis al li mian brakon.

— Mi dankas, — li diris. Kaj li ĵetis teruritan rigardon sur mian etenditan brakon. — Mi kredas vin. Mi ja ne diris en tiu senco. Mi kredas ĉion. Sed mi ne povas min helpi kontraŭ la sento, ke vi ne estas tia vivanta homo, kiaj ni, kiuj ĉeestas. Vi estas iu, kiu aŭ estis, aŭ estos. Mi ne scias certe.

— Car Via Ekscelenco tuŝis tiun ĉi demandon, — mi ekparolis — espereble vi ne rigardos min altrudulo, se ĉirilate mi klopodos servi al vi per iom da klarigo. Kaj tiel licu diri, ke via bonega juĝkapablo ĝuste orientis Vian Ekscelencon ankaŭ nun. Nome mi vere sufiĉe diferencas de la ceteraj ĉeestantaj gastoj, kiuj venis el Berlin, Dresden, Paris kaj London. Car mi venis ĉi tien el mil naŭcent dudek du.

— Mil naŭcent dudek du . . . — murmuris Goethe. — Preskaŭ post cent jaroj . . .

Li rigardegis min kvazaŭ fantomon.

— Kaj kiel vi venis ĉi tien? Kial vi venis? — li demandis raŭke.

— Tion mi mem ne scias, — mi diris trankvile. — Sed se vi bonvolos permesi, mi kuraĝos fari estimplenan rimarkon. Nome mi vidas, ke Vian Ekscelencon kaptas teruro je mia vido, kio ja estas tre komprenebla, ĉar devas esti eksterordinare konsterne, sidi kontraŭ homo vivonta post cent jaroj. Sed permesu al mi esprimi mian modestan opinion, ke de mia parto la sama teruro estus same motivita, ĉar por mi ja povus esti same konsterne, sidi kune kun antaŭ-cent-jara homo. Kaj via situacio en tiu ĉi punkto estas eĉ multe pli favora, ĉar ja Via Ekscelenco estas hejme, en la propra domo, viaj sekretario, gefiloj, genepoj, ĉiuj estas ĉi tie en via proksimo kaj escepte min, vi estas inter viaj samepokanoj. Dum mi kontraŭe estas tute sola ĉi tie el mia speco kaj mi ne tre scias, kiamaniere mi sukcesos iel reiri hejmen.

— Vi pravas, — li diris, ankoraŭ ĉiam tremante. — Mi ja ne komprenas, kiel vi povas resti tiom trankvila?

— La klarigo estas tre simpla, — mi respondis. — Car ja mi nun certe scias, ke mi estas ĉe Via Ekscelenco, kiu estas unu el la plej grandaj geniuloj de l' mondo kaj sekve tiu sincera respekto, kiun mi sentas al Via Ekscelenco kaj tiu plezuro kaj honoro, ke mi ekhavis donace la personan interkonatiĝon kun Via Ekscelenco, tute ekvilibras kaj paralizas tiun hororon de l' nekutimeco, kiun povas en mi fari la elfalo el la Ordo de l' Tempoj. Kaj antaŭ ĉio mi havas la honoron direkti la atenton de Via Ekscelenco al tiu cirkonstanco, ke tia interjarcenta renkonto, kia nun estas la nia, estas kiel eble plej rara fenomeno, sekve, mi opinias, estus pli ĝuste, se ĉi tion ni uzus por la bono de ni ambaŭ, ĉar mi ne scias, ĝis kiam povas daŭri tiu ĉi nia babilo. Kaj mi ja kredas, ke Vian Ekscelencon povus nepre interesi, kio okazis dum la centjaro sekvanta la agadon de Via Ekscelenco, tiom pli, ĉar ja Via Ekscelenco **havis** epokfaran influon al la spirita vivo de tiu ĉi sekvonta — tio estas por mi jam pasinta — centjaro. Kaj mi havas la honoron rimarki ankaŭ tion, ke min tre interesas la persono de Via Ekscelenco. Ni do ne malŝparu la tempon per la sekco de tiu demando, kiel estis eble al mi resalti cent jarojn, ĉar ja tiu ĉi demando nun tute ne estas grava, cetere ĝi eĉ ne estus solvebla por ni. Sed ni eluzu tiujn kelkajn minutojn, dum kiuj ankoraŭ estas tenebla tiu ĉi eksterordinara stato.

— Vi pravas, — li murmuris. Kaj poste li reveme ekridetis: — Sed nun jam miaj nervoj ne estas taŭgaj por tiaj animskuoj. Cetere . . .

Li rektiĝis. Kaj sur lian vizaĝon revenis tiu majesta trankvilo, kiun antaŭe mi vidis sur li, ekstere, kiam li trairis la salonojn. Kaj li ekparolis:

— Ja propre tio, kio nun okazas al mi, neniom estas pli stranga, ol kio ĝis nun okazis kaj de nun povos okazi. Ni ĉiam vivas ja inter sekretoj kaj misteroj, ni ne scias, kio okazas ĉirkaŭ ni kaj en ni, kiaj estaĵoj kaj potencoj direktas nian vivon. Propre eĉ la plej etaj okazaĵoj de la ĉiutaga vivo ne estas pli kompreneblaj, ol tiu ĉi neklarigebla vizito. Sed ilin ni jam ekkutimis vidi kompreneblaj.

— Kaj tio, ke mi estas tie ĉi, estas same tiel komprenebla, — mi prenis kuraĝon aldoni. — Sekve, mi opinias, Via Ekscelenco nun jam havas nenian kaŭzon esti ekscitita pro mi.

Goethe aprobe kapbalancis. Li enpensiĝis, poste subite vigle demandis:

— Vi do konas min? Do ankaŭ en via epoko, post cent jaroj, vivas mia memoro?

— Jes. Via Ekscelenco estas ankoraŭ ĉiam unu el la plej grandaj homoj de la mondo, en la okuloj de la vere kulturaj homoj.

— Kaj kiu estas la alia? — Demandis Goethe kun streĉita interesiĝo.

— Shakespeare.

Goethe modeste ekridetis:

— Mi opinias, estas troigo, min starigi apud Shakespeare.

Kaj poste enpensiĝinte li aldonis:



**Frankfurt a. M.**
*La granda akceptejo en la Goethe-domo.*

— Cetere... Eble mi estus povinta fariĝi io simila al li. En miaj pli junaj jaroj estis en mi ia demona forto, kiu vere estis kapabla krei. Sed tiujn jarojn, la vere produktajn jarojn, bedaŭrinde mi malŝparis per tio, ke mi penadis pri la bagatela administro de eta princlando. Granda kulpo estis, mi sentas kaj konfesas.

— Se licas diri mian modestan opinion, ankaŭ mi kredas, ke Via Ekscelenco faris neripareblan kulpon kontraŭ vi mem kaj kontraŭ via krea forto per tio, ke por ioma burĝa riĉo, vanto kaj senvalora kariero vi malŝparis vian plej belan aĝon.

Li surprizite rigardis min. Poste li diris malvarme, fiere:

— Tre severa kritiko. Vi, sinjoro, estas ankoraŭ junulo, vi ne scias ankoraŭ, ke en la vivo oni ne faras tion, kion oni scias kaj al kio oni havas emon, sed tion, kion oni devas.

— Jes, — mi respondis modeste — ĉi tion mi ankoraŭ ne scias...

Kaj nun la interparolo ĉesis por kelkaj momentoj. Goethe ŝajnis ofendita. Tiu mia netolerebla naturo, kiu ne emas preteri eĉ la plej etan kulpon de alia homo, subite superregis en mi. Kaj mi diris kun akra voĉo:

— Mi kuraĝis esprimi sincere mian modestan opinion. Kaj Via Ekscelenco ofendiĝis. Mi opinias, ke tiaspeca malforto estas neinda al efektive eminenta homo.

Lia vizaĝo ruĝiĝis, liaj kuntiritaj nigraj okuloj kolere palpebrumis:

— Notu por vi, juna homo, ke al tia tono mi ne estas kutimiĝinta! Cetere, se vi repensas, vi mem rekonos, ke tio, kion vi faris, estas la plej granda malĝentilo. Mi ja, eĉ pro mia aĝo, meritas ke...

— Mi petas, — mi prenis kuraĝon rimarki kun same akra voĉo — se Via Ekscelenco paŝas sur tiun ĉi vojon, mi vere ne povas sekvi tien Vian Ekscelencon. Ĉar se Via Ekscelenco rifuĝas malantaŭ vian aĝon, rangon kaj prestiĝon, mi estas devigata foriri, ĉar, laŭ mia opinio, el tia senegala interparolo mi povas havi nek instruon, nek plezuron.

Kaj mi stariĝis.

— Restu, mi petas, — li diris kun pli cedema voĉo — Sed mi devas rimarki, ke vi...

— Mi petas, — mi interrompis senpacience — eble ni ne pasigu tiujn ĉi karajn momentojn per mia modesta persono?... Min interesas nun Via Ekscelenco.

Goethe rigardmezuris min kaj poste diris malafable:

— Do demandu!

— Antaŭ ĉio mi volus formi por mi klaran bildon pri la vera grandeco de Via Ekscelenco. Ĉar Via Ekscelenco en nia epoko estas starigita sur piedestalon kaj sekve estas malfacile alirebla. En la lernolibroj Via Ekscelenco estas prezentita, kiel geniulo nepre feliĉa, plejeble subtenita de ĉiuj eksteraj cirkonstancoj, kiel genio, perfekte ekvilibrita, havanta ian statuan sensentecon, en kiu oni povas riproĉi maksimume, ke li eble estis tro fiera, ne sufiĉe homa. Ĉirilate oni ĉiam kontraŭmetas Vian Ekscelencon al Schiller kaj la simpatio de la lernejmajstroj estas okulfrape ĉiam ĉe la flanko de Schiller.

— Kion nun vi diris, — komencis trankvile Goethe — post tio kaŝiĝas multe pli, ol kiom vi pensus. Do la malnova malamo, kiu min persekutas de jardekoj, estos vivanta eĉ post cent jaroj! Dum mia tuta vivo mi estis splito en la okuloj de l' sentalentaj homoj. Komence oni min proklamis senmorala, poste tra jaroj oni klopodis min ĉiamaniere senkuraĝigi, oni mistaksis miajn verkojn, prisilentis, ignoris min. Por miaj plej bonaj verkoj mi ne trovis eldoniston. Nun, ke fine oni ne povas min ataki kaj deklari sentalentulo, ĉar tion oni rekonis, ke mi

## Kantoj de Gretchen

### El la Faust de Goethe

I.

Vi dolorriĉa,
Al malfeliĉa
Vizaĝon klinu kun favor'.
Glav' en la kor'.
Kun mil dolor'
Kun ĉagren' mil
Rigardas morton vi de Fil'...

Al Patr' vi plendas
Vi ĝemojn sendas
Supren kun dolor-trem'
Pri Li vi petas, pri vi mem...

Kiu do sentas,
Kiu atentas
Doloron de kor' senkonsola...
Kiel mi tremas,
Sopiras, ĝemas,
Ĝin scias nur vi — nur vi sola!

Reen mi iras
Dolor' disŝiras
La koron — vee, ho vee!...
Ĉie sur voj'
Solec' malĝoj'...
Mi ploras, ploras ree...

II.

Sur miaj fenestroj matene
Florpotojn rosigis mi plene
Per larmoj, antaŭ ol mi
Ĉi florojn ŝiris por vi...

Unuaj briloj de la sun'
Eniris mian ĉambron nun
Kaj mi jam sidis sur la lito
En la ĉagreno kaj medito.

Vi vidas, mankas al mi fort'...
Ho, savu min de mort'
Savu de malhonor'...
Vi dolorriĉa
Al malfeliĉa
Rigardon sendu kun favor'...

*Tradukis:* ***Leo Belmont***

scias verki, do, oni malkovras en mi karakterajn difektojn. Ke mi estas fierega, egoista, envia, ĵaluza pri la junaj talentuloj, senreligia kaj malbona patrioto. Cetere ĉi tio estas la plej nova akuzo kontraŭ mi. Ĉar dum la Napoleonaj militoj mi ne skribis kontraŭ la francoj. Sed kiel mi estus povinta verki kun malamo, se mi ne malamis la francojn? Kvankam mi tre ĝojis, kiam fine ili forportis sin de nia kolo. Sed kiel malamu mi — ja por mi la civilizacio estas la plej granda valoro — la plej kulturitan nacion de la mondo?

— Do Via Ekscelenco mem konfesas, ke eĉ en la plej malfacilaj tempoj vi havis simpation al la malamikoj de via patrujo? — mi demandis. — Respektive tiuj atakoj, kiuj atingis ĉirilate Vian Ekscelencon, ne estas

# El la „Interparoloj kun Goethe“

## — De Johann Peter Eckermann (1792–1854)

Iutage en la komenco de Junio 1823 enmigris tra la pordo de l' urbo Weimar (vajmar) viro laŭaspekte iom pli ol tridekjara, kun longaj haroj transpendantaj la kolumon, kun inteligenta vizaĝo kaj helaj okuloj. Al la skribisto ĉe la pordo li donis sian nomon : Johann Peter Eckermann (ekerman) el Winsen. Tornistro premis liajn ŝultrojn, kaj bastono helpis la lacajn piedojn, kiuj estis portintaj la migranton dum du sunvarmegaj semajnoj ĉi tien el lia norda hejmregiono proksime de Hamburg. Car veturilon li ne povis pagi, la malriĉa filo de malriĉa migranta portvendisto. El la mizera kabano de l' gepatroj li nur iam kaj iam eniris lernejon, kaj en sia 14-a jaro li nur malsufiĉe scipovis legi kaj skribi. Sed la natura inteligenteco de l' knabo havigis al li favorantojn, kiuj ebligis al li pli bonan kleriĝon per privata instruo; kelkajn monatojn li vizitis ankaŭ pli poste gimnazion, preskaŭ du jarojn helpe de stipendio eĉ la universitaton. Flanke de tiuj neregulaj studoj li diligentege instruis sin mem per legado kaj interparoladoj. Li eĉ riskis baldaŭ debuti en la poezia arto per volumeto da lirikajoj kaj per artscienca traktajo. Ambaŭ li sendis al Goethe petante kelkajn rekomendajn vortojn de la fama poeto, por ke li trovu pli facile eldoniston. Goethe respondis per malmultaj afablaj linioj, kaj tiuj donis al Eckermann la kuraĝon, viziti kaj vidi la majstron persone. Tio okazis la 10-an de Junio 1823 : kaj tiu tago estis por ambaŭ viroj la komenco de reciproke profitiga kunlaborado, kiun finis nur la morto de l' majstro. Goethe donis al la juna amiko direktivojn por liaj studoj kaj superŝutis lin preskaŭ ĉiutage per la trezoroj de sia saĝo. Sed Eckermann repagis : li ordigis liajn manuskriptojn ; li helpis ĉe la redaktado de la lastaj grandaj verkoj ; per prudentaj demandoj kaj pli-malpli kaŝitaj admonoj li eĉ instigis la maljunulon al laborado, tiel ke Goethe ekz. la duan parton de »Faŭsto« verŝajne ne estus finverkinta sen la senĉesa delikata antaŭenpuŝo de sia juna asistanto.

La »Interparoladoj kun Goethe«, kies manuskripton la majstro mem grandparte legis kaj aprobis, estas treege meritplena verko de Eckermann. En tiu libro li montras la poeton en lia domo, en societoj, ĉe promenveturoj ktp, kaj li notis abundon da admirindaj paroloj de lia saĝo pri la plej diversaj problemoj el vivo, scienco, arto kaj politiko, kiuj sen tio estus falintaj en la abismon de forgesiteco.

Malgrandaj provoj ĉi-sube veku en la legantoj la

---

nemotivitaj.

Goethe nun malŝate rigardmezuris min. Kaj poste malvarme diris :

— Mi ne scias, kiu vi estas kaj ĉu vi havas imagon pri tio, kio estas : poeto ? . . . Nu, mi do estas tio ! Kaj nur tio ! Jes, la poeto devas ami sian patrujon. Sed lia patrujo ne estas ia politika formajo, partio, kliko, raso, sekto aŭ provinco. Lian patrujon formas lia poezia forto kaj ĉio bela, nobla kaj bona apartenas al ĝi, kie ajn ĝi estu kaj devenu de kiu ajn kreajo de Dio . . . Kaj mi povas al vi diri, ke tre multan amaron oni faris al mi per tiuj ĉi stultaj akuzoj ! Germana verkisto : germana martiro ! Sed cetere, ja ĉie nun estas tiel. En Anglujo same, kiel en Francujo. Kiom da doloro, turmento devis toleri Molière, Rousseau, Voltaire! Kaj Byron-on la samaj hipokrituloj elpelis el Anglujo kaj pelis en la morton ! Kvankam la kulturo de Anglujo kaj Francujo staras malproksime super nia malriĉa, malgranda germana kulturo ! Kion mi suferis, tion krom mi homo ankoraŭ ne suferis. Kvazaŭ ne estus sufiĉa por mi sola tiu superhoma lukto, kiun mi devis lukti kun mi mem, ĝis fine naskiĝis unu el miaj verkoj ! . . . Multege mi suferis. Dum okdek jaroj mi ne havis entute eble dek kvar tagojn, kiam mi fartis tolereble. Sed egale ! Eble eĉ ne mi estas la kulpa pri tio, nek la homoj. Estas fuŝita tiu ĉi tuta Eŭropa mondo kaj tio faras ĉion. Ni vivas mizerajn tempojn. Kaj tra generacioj la vivo fariĝas ĉiam pli malica kaj kruda. La malamo, la malbonintenca nekompreno kaj tiu Eŭrope disvastiĝinta ĝenerala tendenco, kiu artefarite klopodas densigi la barojn inter homo kaj homo, fine povas fariĝi nur fatala katastrofo, kiu neniigos eĉ nian malfortan kultureton, kaj erikejo kaj sovaĝa dezerto kovros la terojn, kiujn dum trimil jaroj ni konkeris por ni per niaj pli noblaj talentoj. Ha, cetere ! Eĉ bedaŭri mi ne povas ĉi tiun civilizon kuregantan en pereon, tiom malbela, malica, naŭza ĝi estas.

Goethe subite eksilentis. Li trakaresis sian sulkan vizaĝon. Kaj poste li lace rigardis min, kun senanimaj okuloj.

— Ĉu vi deziras ion ankoraŭ demandi ?

Mi jam nenion havis paroli kun li. Li ja transiris eĉ min laŭ la estonto. Mi sentis, ke tiaj bagatelajoj, kiajn mi povus rakonti al li pri la jardekoj sekvintaj lian morton, povas esti propre tute seninteresaj por li.

— Mi havas nenion por diri, — mi diris. Kvankam tiom mi estus volinta lin demandi, kio estas lia opinio pri la netradukebleco de lia poemo : »Über allen Gipfeln«, kiu en iu literatura revuo estis temo de diskuto post 90 jaroj — tio estas antaŭ 2 jaroj. Sed nun, post ĉi tio, kiel mi povus veni kun tiaspeca demando . . . . Kaj cetere, estas *preskaŭ certe* — ke li estus havinta la saman opinion, kion mi.

En la apuda salono iu komencis ludi fortepianon. Goethe rektiĝis.

— Ĉu vi aŭdas ? — li demandis min. — Ludas Schmidt registara konsilanto. Beethoven . . . Belega . . .

Lia vizaĝo ekbrilis. Kun streĉita atento li aŭskultis la muzikon.

— Belega . . . — li murmuris.

Poste — ĉe la fino de l' muziko li lace kuŝiĝis kaj fermis la okulojn.

— Ĉu Via Ekscelenco malbone fartas ? — mi demandis ektiminte.

Nenia respondo.

Kun rapidaj paŝoj mi iris al la pordo de l' salono. Kaj mi malfermis la pordon.

En la salono estis neniu. Mi trakuris la ĉambrojn : nenie iu. Mi revenis en la malgrandan ĉambron al Goethe. Sed la apogseĝo estis malplena. Mi kuŝiĝis sur la ruĝa kanapo kaj atendis.

— Ŝŝŝ! — mi aŭdis subite. — Silentu, infanoj! Ne eniru al li.

— Sed enestas mia Ĉimpi-libro !

— Vi vekos lin, Elinjo. Vi scias ke tiam paĉjo koleras . . .

— Sed kial li dormas ĉiam? Ĉu tio estas patro? Mi bezonas mian Ĉimpi-libron!

Mi kubutapogis min sur la ruĝa kanapo kaj elkriis:

— Vi povas enveni, Elinjo, mi jam ne dormas.

El la hungara: *Karlo Bodó.*

deziron al konatiĝo kun la tuta verko. Ĝi estas tradukita en tre multajn lingvojn.

*(Diskreteco).*

20-a de Julio 1831. — »Iuvespere mi promenis kun bonkonatulo en la ĝardeno de kastelo, kiam neatendite ni rimarkis ĉe la fino de l' aleo du aliajn personojn el nia rondo, sinjoron kaj sinjorinon, kiuj trankvile babilante iris unu apud la alia. Subite iliaj kapoj kunkliniĝis, kaj ili donis al si reciproke koregan kison. Poste ili daŭrigis iri laŭ sia unua direkto, kaj tre serioze ili pluinterparolis, kvazaŭ nenio okazis. »Ĉu vi vidis tion« kriis mia amiko kun mirego. »Ĉu mi fidu al miaj okuloj?« »Mi vidis«, respondis mi, »sed mi ne kredas ĝin!«

*(Pri amo kaj intelekto).*

2-a de Januaro 1824. — »La amo tute ne interrilatas al la intelekto. Ĉe juna virino ni amas tute aliajn aferojn ol la intelekton. Ni amas ĉe ŝi la belon, la junon, la pikŝercemon, ŝiajn kapricojn kaj — Dio scias, kion pli! Sed ŝian intelekton ni *ne* amas. Ŝian intelekton ni *respektas*, se ĝi estas brila, kaj per ĝi knabino povas multe gajni antaŭ niaj okuloj. La intelekto eble ankaŭ taŭgas por nin firmteni, kiam ni jam amas. Sed la intelekto ne kapablas ardigi nin kaj veki pasion«.

*(La polico kaj la infanoj).*

12-a de Marto 1828. — »Por ekkoni, kiel statas ĉe ni, mi nur rigardas en nia kara Weimar tra la fenestro. Nun, kiam la kara printempa suno logas la infanojn el la domoj, por ke antaŭ la pordoj ili ludetu kun samaĝuloj, mi vidas ilin ĉiam ĝenitaj, kvazaŭ ili ne estus certaj kaj timus la alvenon de iu polica potenculo. Iu knabo knaligu la vipilon aŭ kantu aŭ kriu — tuj policano estas sur la loko, por tion malpermesi al li. Ĉio ĉi havos la efikon, jam frue malsovaĝigi la karan junularon, elpeli ĉiun originalecon kaj ĉiun senbridecon, tiel ke fine postrestos nur — la filistro!«

*(Internacia malamo).*

14-a de Marto 1830. — »La internacia malamo estas plej forta kaj plej arda sur la plej malsupraj ŝtupoj de la kulturo. Sed ekzistas ŝtupo, kie ĝi tute malaperas, kie oni staras kvazaŭ super la nacioj kaj kie oni sentas feliĉon kaj suferon de sia najbara popolo, kvazaŭ ili estus renkontintaj onin mem.«

*(Pri diletanteco).*

21-a de Januaro 1827. — »Guste tio estas la karakterizajo de la diletantoj, ke ili ne scias pri la malfacilajoj, kiuj estas en iu afero, kaj ke ili ĉiam volas entrepreni ion, por kio ili ne havas la fortojn«.

*(Konstrui, ne ruinigi).*

24-a de Februaro 1825. — »Se ion malbonan mi nomas malbona — kion do utilas tio? Sed se mi eĉ ion bonan nomas malbona, tiam mi multe malutilis. Kiu intencas bone efiki, tiu neniam mallaŭdu; li neniel atentu

**Frankfurt a. M.**




**La Goethe-domo**

la malĝuston, sed nur faru ĉiam la bonon. Ĉar la ĉefa afero ne estas ruinigi, sed konstrui ion, pri kio la homaro povas senti puran ĝojon«.

*(Koncentri, ne distri).*

24-a de Februaro 1824. — »Ĉie en la akademioj oni traktas tromulton, tre multe da nenecesajoj. Krome la diversaj docentoj tro vastigas siajn fakojn, multe pli ol taŭgas por la bezono de iliaj aŭskultantoj. En antaŭa tempo kemio kaj botaniko estis traktataj kiel akcesoraj partoj de la medicino, kaj tio sufiĉis por medicinisto. Sed nun kemio kaj botaniko fariĝis memstaraj, nesuperrigardeblaj sciencoj, el kiuj ĉiu postulas tutan homvivon, kaj oni volas ilin kunaltrudi al la medicinisto! Tio ne povas bonefiki; unu fako estos neglektata aŭ forgesata pro alia. Kiu estas prudenta, tiu rifuzas ĉiujn malkoncentrajn pretendojn; li limigas sin je unu fako kaj fariĝas kapabla por unu.«

*(Pri la tasko de l' poezio).*

24-a de Septembro 1827. — »Ĉiuj poetoj verkas, kvazaŭ ili estus malsanaj kaj la tuta mondo lazareto. Ĉiuj parolas pri suferado kaj mizero sur la tero kaj pri la ĝojoj en la transa mondo. Malkontentaj ili jam estas ,kaj unu pelas la alian en ankoraŭ pli grandan malkontentecon. Tio estas vera misuzo de la poezio, kiu estas ja vere donita al ni, por forigi la malgrandajn disecojn en la vivo kaj por fari la homon kontenta pri la mondo kaj pri ilia stato. Sed la nuna generacio timas ĉiun veran forton«.

*(Forto de l' agado).*

17-a de Februaro 1832. — »Kia bono do estas en ni, se ne la forto kaj la emo, la medion de la ekstera mondo tiri al ni kaj devigi ĝin al servo por niaj pli altaj celoj. Dum mia longa vivo mi efektivigis kaj faris kelkion, pri kio mi eble povus min glori. Sed se mi volas paroli sincere: kion propran mi havis escepte de la kapablo kaj emo por aŭdi kaj vidi, por distingi kaj elekti kaj por vivigi la aŭditajon kaj viditajon per iom da spirito kaj reprodukti ĝin per iom da lerteco? Mi nepre ne suldas miajn verkojn nur al mia propra saĝo, sed al miloj da objektoj kaj personoj ekstere de mi, kiuj por ili prezentis al mi la materialon. Venis stultuloj kaj saĝuloj, klarpensaj kaj malvastspiritaj kapoj, infanoj, junuloj kaj maturaj maljunuloj: ĉiuj diris al mi, kion ili sentis, kion ili pensis, kiel ili vivis kaj agis kaj kiujn spertojn ili kolektis: kaj mi havis nenion por fari krom kapti kaj rikolti tion, kion aliaj semis por mi. Finfine estas tute sensenca esploro, ĉu iu havas ion el si mem aŭ de aliaj, ĉu li agas per si mem aŭ per aliaj. La ĉefa afero estas, ke oni havu grandan volon kaj lertecon kaj persistecon, por agi laŭ ĝi; ĉio alia estas malgrava«.

*(Pri eterna vivo).*

4-a de Februaro 1829. — »La kristana religio estas potencajo per si mem, per kiu la falinta kaj suferanta homaro ĉiam denove leviĝis. Koncedante al ĝi tiun ĉi efikon, oni jesas, ke ĝi estas supera al ĉiu filozofio, kaj de tiu ĝi ne bezonas apogon. Same ankaŭ la filozofio ne bezonas la aŭtoritaton de la religio, por pruvi certajn tezojn, ekz. tiun pri ĉiama vivodaŭro. La homo kredu la nemorteblon; li havas por tio la rajton, ĝi estas laŭ lia naturo kaj li darfas fidi al religiaj promesoj. Sed se la filozofio volas preni la pruvon por la nemorteblo de nia animo el legendo, tiam la pruvo estas malforta kaj ne tre konvinka. La konvinkiĝo pri nia daŭrado devenas por mi el la nocio de l' agado; ĉar se mi ĝis mia fino senripoze agadas, tiam la naturo havas la devon, doni al mi alian formon de ekzistado, kiam la nuna ne plu povas elteni mian spiriton«.



Pluraj sonoj al mi malagrablas, sed plej abomene
Tedas min bojo de hund', ŝiras ĝi en la orel'!
Estas sola hundet', kies bojon mi aŭdas kun ĝojo,
Jes, min ĝojigas per boj' hundo de mia najbar'.
Ĉar ĝi je mia knabin' ekbojis, kiam ŝi kaŝe
Foje ŝteliĝis al mi: preskaŭ perfidis ĝi nin.
Nun, se ekbojas ĉi hund', mi ekpensas ĉiam: ŝi venas,
Aŭ mi pensadas pri l' temp', kiam ŝi venis al mi.

***Goethe (K. Kalocsay): Roma Elegio***

*(Pri la utilismo).*

20-a de Februaro 1831. — »Estas laŭ la naturo de l' homo, rigardi sin kiel la celon de la kreado, ĉiujn aliajn objektojn nur laŭ la rilato al si kaj laŭ la grado, kiom ili servas kaj utilas al li. Li subigas la mondon de l' vegetajoj kaj de l' animaloj, kaj forglutante aliajn kreitajojn kiel konvenajn nutrajojn li ekkonas sian dion kaj gloras ties bonecon, kiu tiom patre zorgis por li. Li forprenas de la bovino la lakton, de la abelo la mielon, de la ŝafo la lanon; kaj atribuante al tiuj ajoj utilecon por si, li kredas ankaŭ, ke por tio ili estas kreitaj. Li ne povas imagi, ke eĉ la plej malgranda herbo ne estas por *li;* kaj se ies utilon li nuntempe ankoraŭ ne ekkonis, li tamen kredas, ke ĝi estontatempe certe malkovriĝos. Kaj kiel la homo pensas ĉi rilate, tiel li pensas ankaŭ ĝenerale; kaj li ne preterlasas, enporti sian kutiman pensmanieron el la vivo ankaŭ en la sciencon kaj ankaŭ ĉe la diversaj partoj de organismo demandi pri ties tasko kaj utilo. Tio eble taŭgos kelkan tempon, kaj ankaŭ en la scienco li eble povos sukcesi tiel. Sed tre baldaŭ li renkontos fenomenojn, kie tia malvasta rigardo ne sufiĉas kaj kie, sen pli alta starpunkto, li implikiĝos en amaso da kontraŭdiroj.Tiaj utilismanoj diras ekzemple: La bovo havas kornojn, por defendi sin per ili. Sed mi demandas: Kial la ŝafo *ne* havas kornojn? kaj kiam ĝi havas: Kial ili estas ĉe ĝi volvitaj ĉirkaŭ la orelojn, tiel ke ili neniel povas utili al ĝi? Sed alia afero estas, se mi diras: La bovo sin defendas per siaj kornoj, *ĉar* ĝi

havas ilin. La demando pri la utilo, la demando: por kio? estas tute ne scienca. Iom pli progresigas nin la demando: Kiel? Ĉar se mi demandas: Kiel la bovo havas kornojn? tiam kondukas min tio al la rigardado de ĝia organismo kaj samtempe min instruas, kial la leono *ne* havas kaj ne *povas* havi kornojn. La utilismanoj opinius perdi sian dion, se ili ne plu darfus adori *tiun*, kiu donis al la bovo la kornojn, por ke ĝi defendu sin. Sed al *mi* oni permesu, ke mi adoru *tiun*, kiu en la riĉo de sia kreado estis tiom granda, ke post milspecaj bestoj li faris ankoraŭ unu estaĵon, kiu entenas ilin ĉiujn: la homon! Oni adoru plue tiun, kiu al la brutoj donas ilian manĝaĵon kaj al la homo manĝaĵon kaj trinkaĵon, kiom ajn li volu ĝui. Sed *mi* adoras *tiun*, kiu en la mondon metis tiom da produkta forto, ke — se nur la miliona parto de ĝi fariĝas vivanta — la mondo svarmas de kreitaĵoj, tiel ke milito, pesto, akvo ne kapablas pereigi ĝin. Tiu estas mia dio!«

*(Poeto kaj patriotismo).*

Komence de Marto 1832. — »Kiam poeto volas politike efiki, li devas fordoni sin al iu partio: kaj se li faras tion, lia poeteco estas perdita. Sian liberan spiriton, sian senpartian superrigardon li devas adiaŭi kaj kontraŭe surmeti la ĉapon de l' malvastspiriteco kaj de blinda malamo. Ĉar li estas homo kaj civitano, la poeto amos sian patrujon. Sed la patrujo de liaj poeziaj fortoj estas la bono, la noblo kaj belo, kiuj ne estas ligitaj al iu lando aŭ provinco. Kaj kion volas diri tio: Ami la patrujon? Kion volas diri: patriote agi? Se poeto dum sia tuta vivo penadis, kontraŭbatali malutilajn antaŭjuĝojn, forigi filistrajn opiniojn, klerigi la spiriton de l' popolo, purigi ties estetikan senton, kaj nobligi ties sent- kaj pensmanieron: kion pli bonan li faru pli? Kiel li agadu pli patriote? — Mi malamas ĉiun fuŝagadon kiel la pekon, sed precipe fuŝadon en ŝtataj aferoj, ĉar el ili sekvas por miloj kaj milionoj nur malfeliĉo. Mi scias, ke en la okuloj de certaj homoj ĉiu mia agado estas rigardata kiel nenio, ĝuste pro tio, ĉar mi rifuzis, enmiksi min en politikajn partiaferojn. Por esti laŭ la gusto de tiuj homoj, mi estus devinta fariĝi ano de jakobena klubo kaj prediki murdadon kaj sangverŝadon!«

*(Pri la libereco).*

18-a de Januaro 1827.— »La libereco estas stranga afero: ĉiu povas facile havi sufiĉe da ĝi, se li scias esti kontenta, se li scias trovi ĝin. Kaj kion utilas al ni abundo da libereco, kiun ni ne povas uzi! Se iu havas nur tiom da libereco, por sane vivi kaj praktiki sian profesion, tiam li havas sufiĉe da ĝi, kaj tiom povas facile havigi al si ĉiu homo. Krome ni estas liberaj nur sub certaj kondiĉoj, kiujn ni devas plenumi. La liberiĝo ne konsistas en tio, ke ni ne volas agnoski ion estantan super ni, sed ĝuste en tio, ke ni respektas ion, kio estas pli alta ol ni. Ĉar dum ke ni respektas ĝin, ni levas nin supren al ĝi; kaj per nia honorigo ni elmontras, ke ni mem portas en ni tion pli altan kaj ke ni indas, esti samrangaj kun ĝi.«

*(Pri liberaleco).*

3-a de Februaro 1830.— »Dumont estas modera liberalulo, kio estas kaj estu ĉiuj prudentaj homoj kaj kio estas ankaŭ mi mem kaj en kiu senco agi mi penis dum longa vivo. La vera liberalulo klopodas, per la rimedoj estantaj al lia dispono efektivigi tiom da bono, kiom ajn li povas; sed li gardas sin de la intenco, tuj pereigi per fajro kaj glavo la neeviteblajn malperfektaĵojn. Li penas, per saĝa progresado iom post iom forpremi la publikajn malbonstatojn, sen pereigi samtempe per rimedoj perfortaj ankaŭ egalan multon da bono. En tiu ĉi malperfekta mondo li kontentiĝas tiom longe je la bono, ĝis kiam la tempo kaj la cirkonstancoj favoras, por atingi la plibonon.«

*(Pri aristokratio kaj demokratio).*

15-a de Julio 1827.— »Oni ĉiam multe parolas pri aristokratio kaj demokratio. La afero estas tute simple jena: En junaĝo, kiam ni posedas nenion aŭ almenaŭ ne scias ŝati trankvilan posedadon, ni estas demokratoj. Sed kiam dum longa vivo ni akiris posedaĵon, ni ne nur deziras, ke ĝi estu certigita; sed ni deziras ankaŭ, ke niaj infanoj kaj nepoj trankvile ĝuu tion, kion ni akiris. Tial en maljunaĝo ni ĉiam estas senescepte aristokratoj, eĉ se dum la junaĝo ni emis al aliaj opinioj.«

*(Devo de ŝtatano).*

25-a de Februaro 1824.— »La mondo ne kapablas kontente trankviliĝi: la grandsinjoroj ne volas garantii, ke misuzo de la potenco ĉesos; kaj la amaso ne konsentas, en atendado de iom-post-ioma pliboniĝo kontentiĝi pri mezbona stato. Se oni povus fari la homaron perfekta, tiam ankaŭ perfekte bona stato estus ebla; sed sen tio okazos eterne ŝanceliĝado transen kaj maltransen; unu parto suferos, dum ke la alia bonstatas; egoismo kaj envio kiel malbonaj demonoj viglos, kaj ne ĉesos la batalo inter la partioj. Do plej prudente estas ĉiam, ke ĉiu praktiku sian profesion, por kiu li estas naskita kaj kiun li lernis, kaj ke li ne malhelpu aliulon, praktiki la sian. La ŝuisto restu ĉe sia botoŝtipo, la kamparano malantaŭ la plugilo, kaj la princo sciu regi — ĉar ankaŭ tio estas metio, kio devas esti lernata; kaj neniu ĝin pretendu, kiu ne scipovas ĝin.«




**Frankfurt a. M. Saalgasse**

***Maldekstre la domo, pri kiu la juna advokato Goethe gvidis sian unuan kaj lastan proceson.***

*(Pri revolucioj kaj revoluciemo).*

4-a de Januaro 1824.— »Estas vere : mi ne povis esti amiko de la franca revolucio ; ĉar ĝiaj terurajoj staris tro proksime antaŭ mi kaj indignigis min en ĉiu tago kaj ĉiu horo, dum ke ĝiaj bonfaraj sekvoj tiutempe ne estis jam videblaj. Mi ankaŭ ne povis resti indiferenta vidante, ke en Germanujo oni celis, intence provoki tiajn scenojn, kiuj en Francujo estis la sekvoj de urĝa neceso. Same malmulte mi estis amiko de tirana arbitro. Estis ankaŭ mia nepra konvinko, ke pri iu granda revolucio ne la popolo estas kulpa, sed la registaroj. Revolucioj estas tute neeblaj, se la registaroj estas ĉiam justaj kaj ĉiam atentaj, tiel ke ili antaŭcedetas per laŭtempaj plibonigoj kaj ne obstinas tiom longe, ĝis l' o necesa estas eldevigata de malsupre. Nu, ĉar mi malamis la revoluciojn, oni nomis min amiko de tio, kio ekzistas. Sed tiu titolo estas tre dubsenca, kaj mi energie rifuzas ĝin. Mi ne estus kontraŭ ĝi, se ĉio, kio ekzistas, estus laŭdindega, bona kaj justa. Sed ĉar apud multe da bono samtempe ekzistas ankaŭ multe da malbono, tial »amiko de l' ekzistanta« signifas ofte ne malpli ol »amiko de l' malmoderniĝinta kaj malbona.« Sed la tempo estas ĉiam progresanta ; kaj la homaj aferoj havas post po kvindek jaroj alian formon, tiel ke institucio, kiu en la jaro 1800 estis io perfekta, jam en la jaro 1850 eble estos kadukajo.«

*(Biblio, eklezio kaj religio).*

11-a de Marto 1832.— »Por rigardi bibliajn aferojn ekzistas du vidpunktoj : unue la vidpunkto de kvazaŭ praa religio, la vidpunkto de la pura naturo kaj racio, kiu estas de dia origino. Ĝi restos eterne la sama ; ĝi daŭros kaj validos, dum kiam ekzistos diosentemaj estajoj. Sed ĝi estas nur por elektituloj kaj multe tro alta kaj nobla, por fariĝi ĝenerala. Due ekzistas la vidpunkto de la eklezio, kiu estas pli laŭhoma. Ĝi estas kaduka, ŝanĝebla kaj ŝanĝiĝanta ; sed ankaŭ ĝi daŭros, kvankam en eterna transformiĝo, dum kiam ekzistos malfortaj homaj estajoj. La lumo de senpera dia revelacio estas multe tro pura kaj brila, tiel ke ĝi ne estas laŭ la naturo de la malfortaj homoj kaj netolerebla por ili. Jen la eklezio aperas kiel bonfaranta peranto, por mildigi kaj moderigi, por ke estu helpate al ĉiuj kaj por ke multaj sin sentu bone. Ĉar en la kristana eklezio regas la kredo, ke ĝi estas la posteluo de Kristo kaj tial havas la povon, liberigi de la ŝarĝo de l' homa peko, tial ĝi estas tre forta potenco. Kaj konservi por si tiun potencon kaj tiun respekton, certigi per tio la domon de l' eklezio, tio estas la ĉefa vidpunkto de la kristana pastraro. Tial la pastroj malpli multe demandas, ĉu tiu aŭ tiu libro de la biblio kaŭzus grandan klerigon de la spirito kaj ĉu ĝi enhavas instruojn de alta moralo kaj de nobla homa naturo ; pli gravaj estas en la libroj de Moseo la historio pri la unua peko kaj la ekesto de la bezono de savanto, plue en la profetlibroj la ripetata montro al tiu savonto, la atentata ; kaj la evangelioj havas la taskon, montri lian efektivan aperon sur la tero kaj lian morton sur la kruco kiel kompenson de niaj homaj pekoj. — Cetere ĉu falsa? ĉu malfalsa ? tio estas rilate al bibliaj aferoj tre strangaj demandoj. Kio estas malfalsa, se ne l'o tute bonega, kiu harmonias kun la plej pura naturo kaj racio kaj servas ankoraŭ hodiaŭ al nia plej alta evoluo ! Kaj kio estas malfalsa, ne l'o absurda, vanta kaj malsaĝa, kiu ne portas frukton, almenaŭ ne bonan ! Se la malfalseco de biblia libro estus decidenda laŭ la kriterio, ĉu ĝi transdonas al ni nepre verajon, tiam oni povus en kelkaj punktoj pridubi la malfalsecon eĉ de la evangelioj ; ĉar Marko kaj Luko ne skribis laŭ propraj intuo kaj sperto sed nur malfrue laŭ buŝa tradicio, kaj la lasta, Johano, nur en sia plej granda aĝo. Tamen mi rigardas ĉiujn kvar evangeliojn tute malfalsaj ; ĉar en ili efikas la rebrilo de majesteco, kiu eliris de la persono de Kristo kaj kiu estas de tia dieco, kia l'o dia iam ajn aperis sur la tero. Se oni demandas min, ĉu estas laŭ mia naturo, dediĉi respektan adoron al tiu diajo, tiam mi diras : nepre ! Mi klinas min antaŭ ĝi kiel antaŭ la dia revelacio de la plej alta principo de la moralo. Se oni demandas min, ĉu estas laŭ mia naturo, adori la sunon, mi ree diras : nepre ! Ĉar ĝi estas ankaŭ revelacio de l' Plejalta kaj eĉ la plej grandioza, kiun la teranoj kapablas percepti. Adorante ĝin, mi adoras la lumon kaj la generan forton de Dio, per kiu sola ni vivas, moviĝas kaj ekzistas kaj la plantoj kaj bestoj kun ni. Sed se oni demandas min, ĉu mi emas klini min antaŭ osto el la dikfingro de l' apostolo Petro aŭ Paŭlo, tiam mi diras : ne ĝenu min kaj restu for de mi kun viaj absurdajoj ! — En la statutoj de la eklezio estas tre multe da malsaĝo. Sed ĝi volas regi ; kaj tial ĝi bezonas malinteligentan amason, kiu subiĝas kaj estas preta, esti regata. La alta kaj riĉe dotita ekleziularo timas nenion pli ol la klerigon de la malsupraj amasoj. Al ili ĝi ankaŭ malpermesis la studon de la biblio, tiom longe, kiom iel estis eble. Ĉar kion malriĉa ano de kristana paroĥo pensus pri la princa pompo de riĉe dotita episkopo, legante kontraŭe en la evangelioj pri la malriĉeco kaj mizero de Kristo, kiu kun siaj disĉiploj humile iris piede, dum ke la princa episkopo preterbruas en kaleŝo tirata de ses ĉevaloj !«

*(Pri mahometana religio kaj filozofio).*

11-a de Aprilo 1827.— »Kiel bazon de la religio la mahometanoj donas al sia junularo la konvinkon, ke al la homo nenio povas okazi, kio ne estas jam delonge antaŭdecidita de iu dio ĉioreganta. Per tio la gejunuloj estas sufiĉe provizitaj kaj trankviligitaj por la tuta vivo kaj bezonas preskaŭ nenion pli. Mi ne volas esplori, kio vera aŭ malvera, kio utila aŭ malutila eble estas en tiu instruo; sed finfine io el tiu kredo kuŝas en ni ĉiuj, ankaŭ sen ke oni ĝin instruis al ni. La instruo de la kristana kredo: »Eĉ ne pasero falas de sur tegmento, sen ke via patro scias !« elfluis el la sama fonto kaj montras al providenco, kiu ne forgesas eĉ l' on plej malgravan kaj sen kies volo kaj permeso nenio povas okazi. — La instruadon en la filozofio la mahometanoj komencas per la dogmo : Ekzistas nenio, pri kio oni ne povus aserti la malon ! Tiel ili ekzercas la intelekton de la gejunuloj, postulante kiel taskon, ke ili eltrovu kaj elparolu la kontraŭan opinion al ĉiu starigita aserto ; kaj el tio devas sekvi granda lerteco en rezonado kaj parolado. Kaj post kiam de ĉiu starigita tezo la kontraŭo estas asertita, ekestas la dubo, kiu do el la du opinioj estas la vere vera. Sed en dubo oni ne emas restadi ; ĝi pelas la spiriton al pli detala *esplorado* kaj *ekzamenado ;* kaj se tiuj estas perfekte farataj, tiam elfluas el ili la *certeco :* kaj ĝi estas ja la celo, en kiu la homo trovas plenan trankviliĝon. Vi vidas, ke en tiu instruo mankas nenio kaj ke ni kun ĉiuj niaj sistemoj ne pli multe progresis, ke entute neniu *povas* pli multe progresi.«

*Paul Bennemann, Leipzig*

---

## Muŝeto kaj burdo

*— Alessandro Mazzolini —*

Jen, en la aranea reto
Kaptita estas la muŝeto,
Sed granda burdo ĝin trapasas
Facile.
Ĉe l' homoj — nu, ĉu ne okazas
Simile ?

# EL LA VERDA BIBLIO

— J. LEJZEROWICZ, LÓDZ —

(Kelkaj piuloj petis min malkaŝi la misteron, kiel kreiĝis la verda lingvo. Ĉi sube mi malkaŝas do la Misteron de l' genezo.)

### Ĉapitro I.

1. En la komenco Schleyer kreis Volapükon. 2. Kaj Volapük estis senforma kaj kaosa, kaj mallumo estis en ĝi. 3. Kaj la Potenca Senkorpa Mistero diris : Estu lumo. Kaj fariĝis Esperanto. 4. Kaj la Senkorpa Potenca Mistero vidis la verdan lingvon, ke ĝi estas bona. Kaj la Potenca Senkorpa Mistero apartigis la Verdan Lingvon de Volapük. 5. Kaj la Potenca Senkorpa Mistero nomis la Verdan Lingvon eterna tago, kaj Volapükon nomis nokto. Kaj estis vespero, kaj estis mateno — unu tago.

6. Kaj la Potenca Senkorpa Mistero diris : Estu firmaĵo en la lingvo. 7. Kaj Li kreis tiun firmaĵon. 8. Kaj Li nomis la firmaĵon regula akcento. Kaj estis vespero, kaj estis mateno — la dua tago.

9. Kaj la Potenca Senkorpa Mistero diris : kolektiĝu la gramatikaj reguloj en unu lokon, kaj aperu la forta grundo. Kaj fariĝis tiel. Kaj la Potenca Senkorpa Mistero nomis la fortan grundon Fundamento. Kaj Li vidis, ke ĝi estas bona. 10. Kaj la Potenca Senkorpa Mistero diris : La Fundamento kreskigu verdaĵon, kiu naskas ĝojon, kaj ĝi kreskigu vortaron kiu donas laŭ sia speco radikojn kies semo estas en ĝi mem, en la Fundamento. Kaj fariĝis tiel. 11. Kaj la Fundamento elkreskigis verdaĵojn laŭ sia speco : verdan lingvon kaj verdan movadon, kaj vortaran arbon, kiu havas radikojn, kies semo estas en ĝi mem, en la Fundamento. Kaj la Potenca Senkorpa Mistero vidis, ke ĝi estas bona. 12. Kaj estis vespero, kaj estis mateno — la tria tago.

13. Kaj la Potenca Senkorpa Mistero diris : Estu lumaĵo en la ĉiela formaĵo por apartigi la verdan lingvon de mallumo. 14. Kaj ĝi estu lumaĵo por lumi super la tero. Kaj fariĝis tiel. 15. Kaj Li faris la grandan lumaĵon por regi la mondon. 16. Kaj Li starigis ĝin sur la ĉiela firmaĵo por ke ĝi lumu sur la teron. Kaj la Potenca Senkorpa Mistero nomis la lumaĵon Verda Stelo. 17. Kaj li vidis, ke ĝi estas bona. 18. Kaj estis vespero, kaj estis mateno, la kvara tago.

19. Kaj la Potenca Senkorpa Mistero diris : la Vortaro aperigu moviĝantaĵojn, vivajn estaĵojn, kiuj fleksebligos la lingvon. 20. Kaj Li kreis la afiksojn, kiujn aperigis la vortaro, la sufiksojn kaj prefiksojn laŭ ilia speco. 21. Kaj la Potenca Senkorpa Mistero vidis, ke ĝi estas bona. 22. Kaj Li benis ilin dirante : fruktu kaj multiĝu, kaj plenigu la vortaron (kaj tial la afiksoj tiel multiĝas ĝis nun). 23. Kaj estis vespero kaj estis mateno — la kvina tago.

24. Kaj la Potenca Senkorpa Mistero diris : la vortaro aperigu rampaĵojn kaj vermojn kiuj turmentu la mondon. 25. Kaj Li kreis la neologismojn kaj ĉiujn malfacilajn vortojn, laŭ ilia speco, por eterna turmento de la novaj verduloj. 26. Kaj la Potenca Senkorpa Mistero diris : Ni kreu potencan aferon, ke ĝi estu la akso de la lingvo kaj regu la gramatikon. 27. Kaj Li kreis la akuzativon. En formo de la finaĵo N li kreis ĝin. 28. Kaj la Potenca Senkorpa Mistero diris al ĝi : fruktu kaj multiĝu kaj plenigu la verdan lingvon, kaj regu super ĉiuj ceteraj reguloj de la Fundamento. (Kaj depost tiam ĉiuj verduloj uzas la akuzativon en troa abundo). 29. Kaj la Potenca Senkorpa Mistero diris al la mondo : jen Mi donis al vi ĉiuj regulojn de la Fundamento. Ĝi estu por vi sanktaĵo. Kaj fariĝis tiel. Kaj la Potenca Senkorpa Mistero rigardis ĉion, kion Li kreis, kaj vidis, ke ĝi estas tre bona. Kaj estis vespero kaj estis mateno — la sesa tago.

30. Kaj estis finitaj la Fundamento kaj Radikaro kaj ĉiuj iliaj apartenaĵoj. 31. Kaj la Potenca Senkorpa Mistero finis en la sepa tago sian laboron, kiun Li faris, kaj Li ripozis en la sepa tago de la tuta laboro, kiun Li faris. 32. Kaj la Potenca Senkorpa Mistero benis la sepan tagon kaj sanktigis ĝin, ĉar en ĝi Li ripozis, legante la originalan literaturon, kiun Li faris kreante.

33. Tia estas la naskiĝo de la Fundamento kaj Radikaro, kiam ili estis kreitaj. 34. Kaj la Potenca Senkorpa Mistero kreis la Verdan Lingvon el Prudento kaj Logiko, kaj Li enblovis en ĝin spiron de vivo, kaj Esperanto fariĝis Vivanta Lingvo.

35. En sep tagoj estis kreata Esperanto, kaj por eterna memoro la Verda Popolo festas ĉiujare la universalajn kongresojn dum sep tagoj.

### Ĉapitro II.

1. Kaj okazis post multaj jaroj, kaj sur la franca tero aperis mago. 2. Kiu venis adorkliniĝi antaŭ la Verda Stelo kaj disvastigi la verdan lingvon. 3. Kaj lia nomo estis Bo-frunt. 4. Kaj li estis unu el la multaj fervoraj apostoloj de la verda afero, kaj ĝuis seriozan fidon inter la verda popolo. 5. Kaj okazis, ke la satano tentis lin, igante lian koron fiera kaj ĵaluza. 6. Kaj Bo-frunt ekpensis en sia koro : 7. Mi konstruos lingvon, kiu disvastiĝos tra la tuta mondo, kaj mi akiros al mi gloron kaj potencon. 8. Kaj mi atingos la supron de l' ĉielo, superos la saĝon de l' Sinjoro. 9. Kaj li laŭfaris idiomon, kiun li nomis Ido. 10. Ĉar ido de la verda lingvo li volis fari ĝin. 11. Kaj la Sinjoro malleviĝis por vidi la faron, kiun faris Bo-frunt. 12. Kaj la Sinjoro diris : jen estas unu popolo kaj unu lingvon ili ĉiuj havis. Kaj jen, kion tiu (kies nomo estis Bo-frunt) komencis fari.

13. Ni malleviĝu do kaj konfuzu lian lingvon. 14. kaj fariĝis granda konfuzo inter tiuj, kiuj kreis Idon. 15. En mallonga tempo fariĝis el ĝi multaj, multaj lingvoj kaj unu homo ne komprenis la alian. Ĉiuj ekbatalis inter si, dirante : mia lingvo estas la vera lingvo. 16. Tial oni donis al tiu loko la nomon Babel, ĉar tie la Sinjoro konfuzis la lingvon de Bo-frunt. 17. Sed la verdan popolon la Sinjoro elkondukis el la lando Babela kaj kondukis ĝin en la landon Babilan, ĉar ili havis unu klaran lingvon.

18. Jen estas la generaciaro de Ido : Ido havis la aĝon de kelkaj jaroj kaj naskiĝis al ĝi Esperantido. 19. Kaj Esperantido naskis Occidentalon, Idiom Neutral kaj Interlingua. 20. Kaj al ili naskiĝis Neo Latin kaj Anglic por eterna malhonoro. 21. Kaj multaj aliaj ĝis la nuna tago kaj ĝis la fino de ĉiuj tagoj. 22. Ili ĉiuj vivas efemeran vivon, ĉar ili estas polvo kaj refariĝos polvo.

## Admono

**Goethe**

Kion do la hom' pretendu?
Ĉu li en trankvil' sin tenu,
Kaj sur io kroĉe pendu?
Ĉu li pelu sin kaj penu?
Ĉu masoni do loĝlokon?
Vivi nur sub tendo ŝirma?
Ĉu konfidi sin sur rokon?
Tremas ja eĉ rok' plej firma.
Unu tion, dua malon.
Ĉiu serĉu kion fari,
Ĉiu serĉu kie stari.
Kaj starant' — evitu falon.

*Tradukis:* **K. Kalocsay**

# Ĉe Goethe sur la Fraŭenplan

*Weimar*, aprilo.

Ne, tiu ĉi urbo ne apartenas al la pasinto, kaj eĉ ne al la fremdul-trafiko, — tio ne povas iĝi pasinto, kio apartenis al Goethe. Estas la dimanĉo de pasko, brilega, viva, milkolora paska dimanĉo: Gretchen-oj kun blondaj harplektoj iras al la preĝejo kaj festvestitaj metilernantoj fumas cigaredon antaŭ la sukerajejo; parko da aŭtomobiloj ĉirkaŭ la muzeo, promenantaj maljunaj geedzoj sur la bordo de la Ilm, fotografaj maŝinoj venantaj de malproksime kaj loka soldata orkestro, malnovaj kasteloj kaj moderna villodistrikto, maljunaj veturigistoj en teratingaj malhelbluaj jakoj apud la malnovecaj veturiloj kaj brunaj ledbenkoj en la neĝblankaj, etaj, fabelaj tramveturiloj, memortabuloj kaj firmotabuloj (advokato *Wagner*, librovendejo *Wieland*, ŝuisto *Schiller*), posttagmeze sporta festeno kaj vespere Goethe-memorfesto en la preĝejo Herder, gepatra hejmo kaj muzeo, kvincent jara preĝejo kaj vendodomo Tietz. Ne regas la pasinto kaj ne regas la nuno; la vivo regas ĉi tie, la vivanta, memoranta kaj venont-rigardanta vivo, la sensistema, konfuza, riĉa vivo. Jam ne trafas tio, kion Herder diris siatempe: »*Weimar ist ein Mittelding zwischen Hofstadt und Dorf*« — ĝi jam ne plu estas kortega urbo kaj ne vilaĝo kaj ne transiro inter ĉi ambaŭ, ĝi jam estas karaktero. Ankaŭ la loko, sur kiu oni konstruis tiun ĉi urbon, estas tia, kvazaŭ Goethe estus asistinta al Dio, kiam Li kreis ĝin kaj efektive li ja asistis: li projektis la parkon, li plantis la arbojn sur la bordo de la Ilm, li aranĝis kaj li konstruis, kolektis kaj disĵetis, alportis bildojn kaj statuojn, projektis meblojn, havis personan rilaton kun ĉio en la mondo: kun mineralo kaj kreskaĵo, muziko kaj teatro, Romo kaj Parizo, barometro kaj fortepiano, cifero kaj litero.

*

Tiu ĉi estas la urbo de Goethe kaj la vivo, plena de infanoj kaj floroj, librovendejoj kaj meblomagazenoj. Dekalkulinte la kelkajn bazarojn, kie oni vendas Goethe-salujon kaj Goethe-notlibron kaj Goethe-aŭtoplaketon kaj Goethe-poŝtukon, ĉi tiujn dekalkulinte, ĉiu vendejo estas neordinare bongusta kaj delikata, preskaŭ nobla kaj arta de la portaloj ĝis la varoj. Eĉ ne unu misgustan pecon mi vidis ĉi tie, nek unu misgustan virinan ĉapelon, nek misgustan meblopecon. (Vere ja, ke ĉiloke oni estas tre kompetenta pri mebloj.) En la montrofenestro de ĉiu vendejo estas ia Goethe-koncernaĵo kaj iu el la kapkopioj de Goethe skulptita de Klauer: la juvelisto elmetis Goethe-vizitkarton, apud ĝi atestletero de iu germana profesoro pri la aŭtentikeco de l' vizitkarto, en la montrofenestro de l' panisto Goethe-saketoj, en kiujn oni pakas la biskviton kaj super malgrandaj, blondaj plekt-kukoj la surskribo: Gretchen-Zöpfe 10 pfennig. En la montrofenestro de florvendejo apud korbeton da violo oni metis paperon, surskribo: favorata floro de Goethe. En la montrofenestro de la kvarcentjara gastejo Weisser Schwan, apud la domo de Goethe, kiun ofte vizitis la societo Goethe-Schiller, ni vidas tablon riĉe metitan de malnovaj porcelanoj, sur ĝi menuokarto, riĉa kaj abunda menuokarto, foje ĉi tiun finmanĝis gesinjoroj Goethe dum iu solena okazo. La asocio Armbrust elmetis la man-pafarkojn de Goethe kaj Schiller, la papervendisto elmetis la mortanoncon de Goethe.

> Gestern Vormittags halb Zwölf Uhr starb mein geliebter Schwiegervater, der Grossherzogl. Sächsische wirkliche Geheime-Rath und Staatsminister
>
> **JOHANN WOLFGANG VON GOETHE**
>
> nach kurzem Krankseyn, am Stickfluss in Folge eines nervös gewordenen Katharrhalfiebers.
>
> Geisteskräftig und liebevoll bis zum letztem Hauche, schied er von uns im drei und achzigsten Lebensjahre.
>
> Weimar, 23. März 1832.
>
> *Ottilie*, von *Goethe*, geb. von Pogwisch, zugleich im Namen meiner drei Kinder, Walther, Wolf und Alma von Goethe.*

La placon, kie staras la domo, oni nomas Frauenplan. La fenestroj rigardas al la placo, sur la placo malnova verda puto kaj malnovaj domoj, ruĝaj kaj verdaj domoj, bluaj domoj kaj rozkoloraj domoj, — tiuj kelkaj novaj konstruaĵoj inter ili neniom fuŝas la bildon. Bela, nobla kaj simpla unuetaĝa domo, propre duetaĝa, ĉar oni metis fenestrojn ankaŭ en la tegmenton, unu vicon da fenestroj, kiel ĉe la ceteraj burĝaj domoj de la tiamaj tempoj. Kvindek jarojn loĝis ĉi tie Goethe, antaŭe li nur luis la domon kaj kiam la princo ĝin donacis al li, li transformis ĝin laŭ siaj projektoj. Li projektis la vastan ŝtuparejon helverde pentritan, kie li starigis la statuojn en la niĉojn, kiujn li akiris dum la Italia vojaĝo, gipsajn kopiojn de antikvaj statuoj. Sur la unua etaĝo la flava ĉambro, kie oni aranĝis la festenajn tagmanĝojn, la blua muzikĉambro, akceptaj ĉambroj. Ni restu ĉe tio, kion ne entenas la Baedeker kaj kio kaptas nin ĉi tie pli ol ĉio: kiom hodiaŭa, kiom *moderna* estas tiu ĉi loĝejo. Blankaj ŝrankoj estas tie ĉi, kiujn li projektis, tute malaltaj ŝrankoj kun nuraj tirkestoj, en kiuj li havis desegnaĵojn kaj gravuraĵojn. Kvazaŭ akurate la samajn ŝrankojn mi vidis pasintsemajne en Berlin en moderna meblo-ekspozicio. La »Führer« montras ion kun mistera rideto, pri kio ĉiu miras: dissovebla blanka pordo kunligas la du ĉambrojn, dissovebla moderna blanka pordo, kiajn fiere montras la loĝantoj de la modernaj villoj. Goethe proj-

* Hieraŭ antaŭtagmeze, je la duono de la dekdua horo mortis mia amata bopatro, la grandprinca sekreta konsilanto kaj ŝtatministro Johann Wolfgang Goethe post mallonga malsaneco pro sufokiĝo sekve de katara febro kiu fariĝis nervoza. Forta en spirito kaj amplena ĝis la lasta spiro, li forlasis nin en sia 83. jaro. *Ottilie*, von *Goethe*, nask. *von Pogwisch*, samtempe en la nomo de miaj tri infanoj: Walter, Wolf kaj Alma von Goethe.

ektis ankaŭ ĉi tiun. Speguloj... (Foje en Berlin sinjorino diris ion tre delikatan pri la speguloj de Goethe, ŝi diris ke ekzistas speguloj, kiuj montras nin pli malbelaj, ol kiaj ni estas, kaj ankaŭ, kiuj montras nin pli belaj. En la speguloj de Goethe oni sin vidas pli bela.) En la loĝejo estas nenia odoro de pasinto. El la fenestroj oni vidas al la placo, kie florante ondas la paska dimanĉo, nur la fenestroj de l' laborĉambro kaj dormoĉambro rigardas al la silenta, dormanta marta ĝardeno. Tiu ĉi laborĉambro tute diferencas de la riĉa kaj eminente nobla karaktero de l' loĝejo, — kruda kaj severa ĉambro estas ĉi tiu, la rabotitan tablon nur la tempo faris glata, en la ŝranko: peze binditaj libroj, sur la skriba pupitro: mineraloj kaj inkujoj kaj malgranda, rusta, rompita spegulo, en kiu oni jam ne estas bela. Ne, tie ĉi ne licis esti bela, tie ĉi oni devis labori, tien ĉi nur la tri plej bonaj amikoj povis enpaŝi, tie ĉi li ne estis afabla dommastro, sed sinama kaj grumblema verkisto, kiu ĵetadis siajn poŝtukojn en kadukan, altpiedan kanokorbon (Ankaŭ la kopiajoj de tiu ĉi korbo estas elmetitaj en la montrofenestro de korbovendejo, kun la surskribo: poŝtukujo de Goethe, taŭga kudrokorbo). Barometroj kaj tabeloj, plano de ĝardenaj laboroj por la printempo de la jaro 1832., en telero nigra tero por analizo, ne estas pentraĵo, ne estas tapiŝo, ne estas kurtenoj sur la fenestroj. Unu-nura eta statuo estas ĉi tie, opale brilanta eta busto: *Napoleon*. En tiu ĉi ĉambro li okupis sin pri kristaloj kaj kreskajoj, optiko kaj geologio kaj etnografio kaj estas tie ĉi lensoj kaj desegniloj kaj mezuriloj kaj terglobj kaj tabeloj kaj kalendaroj. Apud ĝi la malgranda ĉambro, kie li dormis kaj kie li mortis en la granda apogseĝo je la dudekunua de marto 1832.

Ne, ne estas muzea silento en la domo kaj ne haltis la horloĝoj en la momento de l' morto. La domo estas plena de homoj kaj en ĉiuj ĉambroj iras la horloĝoj, akurate, fideble, se tiel plaĉas: simbole. Ne haltis la horloĝoj en la momento de l' morto, kiel ne mortis ankaŭ ilia mastro: ĉie li vivas en tiu ĉi domo kaj ĉie li venas renkonte al vi, sed ne kiel fantomo, sed kiel vivo kaj realo; lia giganta ombro ĵetiĝas sur la nekulturitajn martajn terojn, sur kiuj ondadas la dimanĉa brilo, ĉi tie li iradis tra kvindek printempoj kaj rigardis la ekkreskintan herbon, prenis teron en la manon kaj enpensiĝinte disfingrumis ĝin, ĉi-voje li iris al la virinoj, kiujn li amis kaj kiuj plie amis lin, al la homoj, kiuj lin konis, sed kiujn li plie konis kaj mi kredas ke nur en lia urbo povis okazi, ke la malgranda knabo, kiun mi demandis: kie estas la Landesmuseum, enpoŝigas la kuglojn, per kiuj li ludis kaj atentigas min, ke, se sur la partero mi enrigardos post la tolomuron de la Goethe-kolektajo, mi vidos la Rodin-statuon, ĉar cetere ĝi nun ne estas videbla pro la Goethe-ekspozicio.

*Cili Bródy*

# MIA ANGULO

**— JULIO BAGHY —**

Antaŭ nelonge mi ricevis leteron pri poetiĝo de mia sesjara fileto. Por forpeli la tedan malliberon de la ĉambro dum pluva posttagmezo li faris kvinstrofan poemeton, kompreneble ne skribe, ĉar li ankoraŭ ne konas la arton de la literskribo. La titolo estis: »Kantas la printempo«. Temis pri vekiĝo de la naturo, pri rideto de la kampoj, pri festa sinvestado de la arboj kaj ankaŭ pri la petolado de la paska leporeto, alportanta dolĉajn donacetojn. La ripetiĝanta rekantajo estis: »Kantu, kantu printempo bela«.

Mi scias, ke en lia poemeto mankis la severa ritmo kaj rimoj ne ornamis la infanajn versojn, tamen mi sentas, ke ĝi estis plena de pura poezio, ĉar ĝi erupciis el infana kredo. Ĝi similis al la unua floreto de virga kora humo, en kiun la Nekonato jetis ĝian semon. La kanto de la infankoro estas riĉa en revoteksitaj sonĝoj kaj en naiva pompo... Pro emocio mi eklarmis... Fileto mia, ankaŭ mi, kiel infano, ekkantis la unuan fojon pri la printempo. Ĉu ĝi pepetis pri la atendado de la printempo aŭ ĝi himne laŭdis la burĝonadon, mi ne rememoras? ! Egale. Nun vi kantas sopirplene kaj kun via kanteto el multmiloj da infanaj animetoj flugas la preĝa voko: »Kantu, kantu printempo bela!«

Inter miaj haroj ekbrilas kelkaj prujnotuŝitaj. La Vivo plugis profundajn sulkojn en la humon de mia koro, sed la milito kaj la postmilita vandalismo dekumis la revoflorojn de mia kampo. Tamen en ni restis io: *la ĉiama atendado de la printempo.* Tra landoj mi vagadas, al animrivelaj rigardoj mi kroĉas mian rigardon, kaj mi atentas: ĉu purpuriĝas jam la horizonto? Ĉu vekiĝas la konscio de homo pri sia propra valoro? Mi memoras pri vi, fileto kaj pri la nova generacio, kiu korŝire vokas la printempan tagiĝon. El mia animo eliĝas dolore, vee, larmbanite la krio: »Kantu, kantu printempo bela!«

En trouzitaj ĉifonoj kun frostotrema animo ni ĉiuj atendas la *veran* printempon. Ni atendas kaj plendas pri ĝia obstina malfruiĝo. La nebulo de la ĥaoso regas. En tiu nebulo erarvagas la *Homo*, tiu Homo, kies tasko kaj celo estos krei novan epokon. Kie Li estas? Ĉu ankaŭ Li sensukcese serĉas la vojon en la korblindiga nebulo? Ĉu Li neniam alvenos estante fantazikreita figuro de la turmentitaj animoj? Ho, kion mi donu por vi, fileto kaj kion ni ĉiuj postlasu por niaj gefiloj? ! La nuna generacio estas mizera, prirabita kaj eĉ ĝiajn sonĝojn neniige mokas la furiozanta egoismo. Kion ni respondu sen mensogo al la centmiloj da infanaj animoj, kantantaj plenespere: »Kantu, kantu printempo bela!«

Aŭskultu, fileto mia! La koro de via patro parolas. Aŭskultu vi ĉiuj, karaj animetoj, atendantaj kaj kantantaj! Amanto de la Homo parolas al vi. Mi rigardis en la profundon de miaj kunsuferantoj kaj tie jam purpuriĝas la aŭroro de la printempo. La Nova Homo dividite preparas pli belan estontecon por vi. Mi vidis kaj vidas la vizaĝon de la Nova Homo. Kora lumo heligas ĝin. Celhava persisto radias el Lia rigardo. Lian volon hardas la ĥaoso de la nebulo: la stertora helpkrio, la sunvoka veado, la sakra preĝo kaj la hipokrita pio, la ĉiutage malhonorigata idealismo, la mortdanco de la malprudento. Tiuj monstraj ombroj, fantomantaj en la nebulo, timigas nur nin, sed ne la Novan Homon, kiu dividite vivas en la koro de la suferantoj. Prepariĝas la nova etiko de la paca epoko. Plenespere voku la printempon kaj kantu, kantu! La semoj de la Nova Homo trovas perfekte plugitan humon kaj la burĝonado jam komenciĝis. »Kantu, kantu printempo bela!«

Ne demandu pri la vojo! Neniu konas ĝin. La Vivo estas milvizaĝa kaj milionkapa. En la ĥaoso la individuo ne povas orientiĝi. Sed ne timigu vin, ke la homaman kanton akompanas eksplodoj de grenadoj, sangaj mortkrioj, ĉar la malprudento plugas kaj la veo semas. Ne naŭzu vin, ke dum enterigo de pacapostolo pintiĝas bajonetoj paradaj al la ĉielo! Mortotimon de la agonianto montras tio. Rigardu ĉirkaŭen! La celperdintoj oratoras pri interfratiĝo kaj malarmado, sed samtempe konstruas buĉmaŝinojn, fabrikas vivsufokajn gasojn. Nur pro timo! Pro timo! Ĉu pereos la mondo? Ne! Ne! Ne! *La volo de la Nova Homo venkos la ĥaoson sen pereigo de la mondo.* La Tero fariĝos unueca patrujo de la homaro. Sed pri la vojo... pri la vojo ne demandu! Neniu konas ĝin, ĉar nun regas la nebulo de la ĥaoso, kaj nur en la koroj psalmas melodio de »Kantu, kantu, printempo bela!«

Jes, kantu printempo bela! Je via sorĉo ekfloros la narkotita idealismo, pompan veston prenos al si la animo, dispersos vivdonajn radiojn la kora varmo kaj super la nebulo kreiĝos tia harmonio, kiun venki ne

povos la plej komplikaj buĉmaŝinoj, nek sufoki la mortigaj gasoj. Ne, ĉar la monstroj de la nebulo naniĝas sub la potenco de la Nova Printempo, kies mateniĝo jam purpuras en la homa intelekto. Ho, fileto mia kaj vi infanaj koretoj, jam kantas la printempo! Milionoj aspiras al la altoj. Milionoj preparas por vi pli belan estontecon. Milionoj migras for el la nebulregata regiono supren al la pintoj. Milionoj jam konscias, ke la nebulo estas surteriĝinta nubo kaj super ĝi la suno viviga, korkaresa brilas. Supren do al la pintoj! Ni estas homoj, ni rajtas vivi, ni rajtas bani nin en la sunradioj, ni rajtas ebriiĝi de la lumo kaj inspirite de la Justeco, Kompreno kaj Amo ni rajtas deklari al niaj gefiloj: Via printempovoka himno estas aŭskultita kaj en la koro de viaj gepatroj jam kantas, kantas la printempo bela.

---

# SERĈADO, LINGVO, SOCIO*

Konstatinte, ke la lingvo estas interligilo, socia fenomeno, ni devas rekoni, ke oni povas ĝin same influi, kiel ĉiun socian aperajon. Kaj ke ĉi tio ne estas nura teorio, sed io pruvebla per faktoj, tion montras inter aliaj la hungara lingvoreformo, kiu ĉirkaŭ 1801. renovigis la lingvon, tiutempe ne sufiĉe esprimkapablan, per novaj vortoj, novaj sufiksoj, vortmallongigoj. (La jarnumero en la libro de Drezen (1901) eraras ĝuste 100 jarojn. Gena preseraro.)

Oni ne povas kontesti, ke en la historio de la mondlingvo regas la samaj leĝoj, kiuj difinis kaj difinas la formiĝon de la homa socio. La historio de la homaro havas diversajn periodojn, al kiuj apartenas diversaj malkovroj, iom post iom transformantaj la homan vivon. La homo serĉadas la pli perfektan vivon kaj la historio de la socio estas rakonto pri la pli kaj pli racia kontentigo de la bezonoj homaj.

Mi diras pretere, ke ni, nunaj homoj, havas la subjektivan erarsenton, ke nia vivo estas pli grava, pli signifa, ol la ĝisnuna vivo de la homaro. Sed tiu ĉi sento certe ĉiam ekzistis, ĝi estas la ĉiama lokomotivo de la homa evoluo, ligita tamen al la relparo de la reala progreso.

Do, la socia ordo ŝanĝiĝas, evoluas. Kaj la homo, en sia periodo, esploradas kaj trovadas la plej konvenan vojon por marŝi antaŭen al la kontentigo de siaj aktualaj bezonoj. La antaŭenmarŝo renkontas novajn bezonojn kaj novan serĉadon. La triba sistemo, en sia aktuala epoko, estis la plej konvena socia sistemo, kaj la formiĝo de la ŝtatoj nekontesteble okazis laŭ la neevitebla vojo de la evoluaj leĝoj.

Kaj nun? Se mi provas min forŝiri de tiu subjektivismo, kiun la memsento neeviteble trudas, mi eble povas pensi, ke la rapida febro de la nuna homo estas troa, sed eĉ kun la plej singardema konsidero oni devas konsati, ke la novaj bezonkontentigoj estigis nun, ĝuste nun, novajn bezonojn, kaj ĉi tiu jarcento, vidanta nian efemeran vivon, alportos novajn formojn de la homa vivo.

Jen vero, kion ni devas ne forgesi! Antaŭ kelkaj monatoj mi legis vere bonegan modernan fabelon, kies aŭtoro — bedaŭrinde — ne mi estis (ĉar volonte mi fierus pri ĝia aŭtoreco). Tiu fabeleto bonege karakterizas certan kategorion de homoj, kiu nur *poste* emas konstati, ke okazis io. En la fabelo temas pri sro X. privatoficisto, kiu, laborante de mateno ĝis vespero, matene ege rapidas en la kontoron kaj nur vespere havas tempon legi la matenan ĵurnalon kaj sciiĝi pri la hieraŭaj okazajoj. Tiel okazas de jaro al jaro. Foje okazas io vere grava kataklismo: la mondo pereas. Sed nia X. sciiĝas pri tio nur la postan vesperon, ĉar matene li ne havis tempon (kaj kutimon) legi la ĵurnalon.

Do ni ne rajtas fermi la okulojn antaŭ la fakto, ke la novaj ebloj, inventoj kaj malkovroj naskis jam ĝis nun novajn situaciojn kaj en la utero de la novo sin kaŝas la embrio de la naskiĝonta Morgaŭ. Ni devas konformiĝi al la direkto de la evoluo kaj serĉi la plej taŭgajn vojojn, kiuj gvidas nin al ĝi plej certe kaj glate, tio estas, *kiuj ne disipas la energiojn.*

La ŝancoj de la internacia lingvo kuŝas en la evoluo de la socio. La lingvo formiĝas laŭ sociaj bezonoj, kaj novaj bezonoj naskas novajn manierojn de kontentigo. La vojo, de la bestaj homhuroj ĝis la internacia lingvo, estas same longa, kiel tiu de la primitiva tribsistemo ĝis la moderna mondekonomio. La opaj fazoj de la internacia lingvoproblemo akre montras ĉi tiun paralelecon. (Pri tiu frapanta paraleleco Drezen parolas malmulte.) Mankas sufiĉa loko por detale pritrakti nun ĉi tion, sed se ni ĵetas subitan rigardon al la historio, okulfrapa estas la fakto; ke la ideo pri la internacia lingvo ondringas sur la surfaco de la homa cerbo jam ĉe la komenco de

* E. Drezen: Historio de Mondlingvo. Eldonis Ekrelo, Leipzig. Prezo mk. 7.—+10%.

---

## Surstrate

— *Hilda Dresen* —

Vintra vespero, malvarma, malfrua.
Jam duondormas la urbo senbrua.
Sur la ĉielo flagradas kandeloj,
Brulas kun bril' miriadoj da steloj.

Sonas la aŭtosignaloj obtuze,
Brilas reklamoj nun malpli amuze.
Sonoriletoj de glitveturilo
Gaje tintadas en nokta trankvilo.

Estas pli vive ĉe stratoanguloj:
Strabas esplore la viraj okuloj,
Ili invitan cinikan atendas,
Manon kun peto senhonta etendas.

Oni ekhaltas, parolas, demandas,
Kaj sub la steloj afere marĉandas,
Tranĉas aeron ekrid' abomena,
Kaj mallumiĝas ĉiel' steloplena.

(1928)

## Alvoko

— *W. A. Johnson* —

Dio! Kial mia koro
Ne kapablas trili kante,
Kiam ĝi en sia kaĝo,
Devas danci jubilante?
Kial ĝia pura ĝojo
Premsufoke devas muti,
Atendante lamajn vortojn,
Kiuj povas nur balbuti?

Dio! Nur havante voĉon,
Ne plu ŝvelus ĝi dolore —
Amo, ploro, kaj indigno
Elverŝ ĝus laŭhumore.
Ne plu ĝiajn vokojn fuŝe
Interpretus la esprimo,
Kaj solecon ĝian rompus
Eĥoj el la malproksimo!

la nuna historio, sed ĝi konkretiĝas nur kiam la sociaj bezonoj komencas sentigi kaj submotivi ĝian gravecon. En la mezepoko kaj en la komenco de la nova epoko, kiam la amasoj estis ankoraŭ posedajoj de la servutigaj potencoj kaj la plejparto de la homoj ne povis ŝanĝi sian lokon pro teknikaj kaj politikaj kaŭzoj, ankoraŭ ne ekzistis la bezono de la internacia lingvo. La distanco nomata nun kilometro signifis en la mezepoko eble centoblan distancon pro la manko de teknikaj iloj, kaj pro la nesekureco. Tamen, tuj, jam kun la unuaj signoj de la ĝenerala transformiĝo, naskiĝas la konkreta formo de la internacia lingvo, kreata — laŭ la aktualaj bezonoj — unue kiel nur skriba sistemo ; poste oni komencas serĉi paroleblajn sistemojn, kiuj tamen ne prosperas, ĉar ankoraŭ ne estas aktualaj; ĝenerale ili estas lingvoj apriorioj, kiuj ne apogas sin al la ekzistantaj lingvoj, sed naskiĝas el la nenio. Fine venas kun la aktuala bezono de la teknika kaj socia evoluo la nuna internacia lingvo, Esperanto, kiu certe estos forta fundamento de la socia kaj senta internaciiĝo. Pri la flankaj sistemoj, miksajoj kaj pri la absurdaj planoj pri la internaciigo de naciaj lingvoj mi nun ne volas paroli, fakte Esperanto naskiĝis en la plej aktuala momento kaj, kiel Drezen trafe konstatas, la ebleco de ĝia libera, demokratia evoluo donis kaj donas al ĝi senfinan perspektivon. Kompreneble, la vojo de la estonta evoluo ne estas tute simpla. La restajoj de la estinto ne estas forviŝeblaj, kion karakterize montras la diversaj teorioj pri internaciismo en naciismo, aŭ naciismo en internaciismo. Tamen, la bezono jam ekzistas kaj eĉ pli forte ekzistos. En la nuna periodo oni bezonas helpan lingvon, sed, se la homaro atingos la pli grandskalan evoluon de socia kaj monda ordo, pli ol verŝajne venos la tempo de la universala lingvo, ĉar la estonto devas baziĝi sur la principa fundamento : atingi por la homaro la plejmulton per la plej malmulta peno. Laŭ la vortoj de Drezen, la lingvo internacia kvazaŭ ensorbos la tutan esencon, ĉion valoran el la lingvoj naciaj. Koncerne la rilaton inter Esperanto kaj la estonta universala lingvo, Drezen opinias, ke ĉi lasta kreskos el la nuna Esperanto. Tiu ĉi deklaro estas ĝusta, sed iomete ĝenerala. La aŭtoro, kiu donacis al ni tiom valoran fonton sciencan pri tiu ĉi temo, ĉiam konceptas siajn dirojn plej koncize kaj logike, sed en tiu ĉi punkto li nur skizas, verŝajne, ĉar la studado de ĉi tiu problemo bezonus novan ampleksan verkon.

Entute la libro de Drezen estas ĝisfunda kaj altnivela, krome ankaŭ mankokompensa en nia lingvista literaturo. Nur kelkfoje mi konstatis, ke la propagandisto Drezen superregis la scienculon, sed la ĝenerala impreso: utilo kaj plezuro.

*F. Szilágyi.*



# OBSERVO

HAYDN. La 31-an de marto festis la mondo la ducentan datrevenon de la naskiĝo de Jozefo Haydn. Dum tiu ĉi tago ĉie en la mondo, kie vivas muzikamantaj homoj, oni citis kune kun la nomo de la aŭstra Haydn la nomon de malgranda hungara urbo ; el la biografio de Haydn oni ja ne povas ellasi, ke unu el la plej grandaj poetoj de la moderna instrumenta muziko vivis kaj laboris tridek jarojn en *Kismarton,* kiel kortega orkestrestro de la fama hungara princo Miklós Esterházy. Tie ĉi, sur la okcidenta parto de Hungarujo, li pasigis la plej grandan parton de sia vivo, de tie ĉi li konkeris iom post iom Vienon, Londonon, Germanlandon, Parizon, — la tutan mondon.

La arta evoluo de Haydn, kvankam estas la plej malrapida, tamen la plej certa inter tiuj, kiujn konas la historio de l' muziko. Lia individuo laŭgrade malvolviĝis. Sed kun ne malpli *plena* forto, kiel tiu de la plej grandaj muzikistoj.

En niaj oreloj resonoras la fama basa ario pri la pluganto, kiu gaje rapidas al la kampoj, kulturi la teron, semi la grenon, kiun la humo fidele kaŝas en sia ĝermiga sino. En la spegulo de l' muziko li montris al ni unue en intima proksimo la *naturon* kaj la *homon,* kiel la *infanon* de l' naturo. Kaj li portis en nian proksimon ankaŭ la nevideblan Kreinton de tiu ĉi belega realo, kiu kreis por bono, belo kaj feliĉo siajn kreajojn. Haydn sciis trasenti la tutan grandecon de l' Kreo. li ja recitis en sia imago la gigantan Mallumon kaj Nenion, el kiuj ia nemezurebla potenco vokis je floranta vivo la miraklan ĉefverkon de l' mondo.

Dio, Naturo kaj Popolo, jen la sankta triunuo de la arto de Haydn. Pri tio ĉi li verkis sian plej grandan ĉefverkon, kiu estas unu el la plej potencaj kreajoj de l' muzika literaturo, la oratorion *Jahreszeiten* (Sezonoj). El tiu ĉi neŝanĝebla triunuo neniam forŝiriĝis lia individua vivo. Kvankam li tute ne estis la eterne kontenta etburĝo, tiu ĉiam ridetanta »patro-Haydn«, kio lin imagas liaj suprajaj konantoj. Tra krudaj mizeroj, amaraj humiliĝoj li devis por si rompi vojon. Kaj tre bone li konis la persekutan vipon de l' pasio, la bruligan sopiron, la noktojn — kaj li sciis, kio estas la »soleca horo«. Sed en la plejprofundo de lia animo tiujn ĉi fajrajn pegazojn de lia individua vivo jungis nedisŝireblaj kondukiloj al tiu trankvile, certe ruliĝanta veturilo, sur kiu pasas la Naturo kaj la Popolo, kaj kies nevidebla veturigisto estas la Ĉiopova mem.

Supre, en la *Walhalla,* loĝas la dioj, malsupre, en la mallumo de Nebelheim la Nibelungoj, inter ĉi tiuj du — meze — sin trovas la »Mittelgart«, la tera mondo de l' homo. Jene kantis la antikvaj germanoj. Laŭ kia melodio? Ni ne scias. Sed ni scias, ke la poezio de la barbaraj nordaj melodioj transiris en la kulturitan kanton de l' Sudo kaj kreis el ĝi unu el la plej grandaj ĉefverkoj de l' kulturo : *la germanan muzikon.* La kanto sonis nun jam pri aliaj altoj kaj profundoj. Supre ekbrulis la mistika stelo de l' Kristanismo, sur la malaperinta vojo de l' Walkuroj galopis la rajdantoj de l' Apokalipso, poste sur la ruinoj de Walhalla konstruiĝis la »firma fortikajo« de l' reformacio ; kaj malsupre malfermiĝis nova imperio de l' mallumo, la faŭko de l' infero kun teruraj monstroj rikanis al ni, anstataŭ la avida Alberich jam tentis la diablo de Luther. — La loĝanto de l' Mittelgart venkis la novajn transcendajn potencojn, konstruis sian novan metafizikan hejmon. En la muziko de liaj lukto kaj kredo ja renoviĝis ĉiuj praaj febro, pasio kaj vizio de la antikvaj germanaj luktoj kaj kredoj, sed samtempe ĉiam pli pure kaj majeste formiĝis la figuro de la luktanta kaj kredanta homo mem: tiu giganta germana homidealo, kiu, en la muziko de *Bach,* per ĉiu arda doloro kaj jubila ĝojo de l' vivo, venkis la inferon kaj skermis la ĉielon. Kaj preskaŭ samtempe, kiam en la animo de Bach ektrumpetis la triumfaj trombonoj de la Gloria en la h-molmeso — en aŭstra urbeto naskiĝis la infano, super kies lulilo jam brilis la sereno de la paco de Dio, kiu kliniĝis al la tero, sur kiu liaj praŭloj tiel firme staris, por kisi kaj brakumi tiun, en kies potenca artista individuo vekiĝis je imperativa konscio kaj plenflore disbranĉiĝis : *la muziko de l' Mittelgart.* Kia fekunda vivo — donaco

de l' ĉielo. La plej brila optimismo ludis kun li gajan, aŭ eĉ petolan ludon kaj kvazaŭ ludante li kreis tute novan sonoran mondon, en kiu la diversaj blovaj kaj kordaj instrumentoj, tamburoj, trumpetoj, violonoj, libere, senĝene ĝojas pro siaj propraj sonoj, respondadas aparte aŭ ĥore unu al la alia, kiel la birdoj en la maja bosko. »Kreo« estis tiu ĉi Haydna simfonio vere, muzika kreo de ĉio, kion la majstro, staranta sur la zenito de sia krea forto, prikantis en la oratorio *Schöpfung*.

La sorĉo de l' eterna harmonio havis plurajn grandajn muzik-magojn : Josquin, Palestrina, Mozart... Sed ni ne konas similan al Haydn, en kiu la imperio de l' realo, konservante sian tutan teran pezon, tiom ĉestas en la interna, pura harmonio de l' animo. Nin kaptas la profunda transspiritiĝo de lia »tera harmonio«. Tia harmonia tera vivo ekirigas la homon, rigardantan en la altojn, ne por apokalipsaj bataloj, sed nur ... preĝi. Nun galopas tra la tuta mondo kaj tra ĉiuj epokoj — tiu Haydna veturilo, per kiu la Naturo kaj la Popolo, la »Kreo« mem, faras sian triumfan eniron en la eternan imperion de la germana muziko. Kaj la nevidebla veturigisto ?

La nevideblaloj tre ŝanĝiĝis eĉ de tiam. Kien perdiĝis la piaj Haydnaj kredoj ? Sed la »Mittelgart«, ekflorinta en la Haydna muziko, plufloris, ĝi estas nia patrujo kaj hejmo ankaŭ nun, kaj tiuj grandaj kaj venkaj bataloj, kiuj ekiris de la »naŭa« simfonio ĝis la »Meistersinger« en la imperio de l' muziko, ĉiuj lokis sian piedon sur tiu ĉi floranta patrina tero, sur la Haydna »Kreo«. — Generacioj staris firme sur la solidaj fundamentoj de lia arto, la danko de l' generacioj salutas la ducentan datrevenon de la naskiĝo de Haydn.

*K. B.*

PRELEGOJ PRI LA HISTORIO KAJ LITERATURO DE ESPERANTO. Atentindan novajon signifas tiuj ĉi prelegoj, ĉar unuparte ilin aranĝas la City Literary Institute de Londono, (la urbo oficiale pagas la preleganton), aliparte la persono de l' lektoro, S-ro K. R. C. Sturmer, ja mem garantias pri la nivelo kaj valoro de la prelegoj. La nun dissendita programo de la tria trimestro promesas riĉan materialon. La priliteratura parto de la prelegoj temos pri la literaturoj de Bulgario, Estonio, Katalunio, Hungario kaj Japanio; apartan priparolon ricevos kelkaj gravaj verkoj, kiel *Eterna Bukedo* (Kalocsay), *Jarmiloj pasas* (Haefker), *Historio de Kristo* (Papini) k. t. p. Okazos diskutigaj pritraktoj pri la recenzado, pri la nova kritiko, pri la tendencoj de la nuna eŭropa literaturo. La londonanoj certe profitos la okazon aŭskulti tiujn ĉi interesajn prelegojn.

*L. T.*

---

*Neologismoj, netroveblaj en la Plena Vortaro*

darfi = havi permeson
disipi = malŝpare disŝuti
dura = malmola
lazareto = milita hospitalo
limonado = trinkaĵo el citronsuko
nano = nenormale malgranda estaĵo
nocio = koncepto, elementa kono
pigra = maldiligenta, mallaborema
portalo = eksteraĵo de butiko
sakri = blasfemeti, ne intencante ofendi Dion
stupida = malriĉa en spirito
villo = somerumdomo

# RECENZO




*Ciujn librojn, ricevitajn en du ekzempleroj, ni recenzas. Unuope ricevitajn librojn ni nur mencias. — La recenzoj esprimas nur la opinion de la recenzinto kaj ne tiun de la redakcio. Pro tio la redakcio tre volonte publikigas interesajn kontraŭopiniojn, koncernantajn iujn aperintajn recenzojn. — La libroj, ĉi tie menciataj kaj recenzataj, estas haveblaj ĉe la librofako de nia eldonejo.*

---

PUBLIKA LETERO PRI LA REORGANIZADO. Memorando al la Esperantistaro kaj al ĝiaj gvidantoj, de JULIO BAGHY. Eldono de Hungarlanda E-Societo. 24 paĝoj. Prezo : unu poŝta respondkupono.

En tiu-ĉi Publika Letero nia senlaca pioniro Julio Baghy prezentas studindan projekton pri reorganizo de nia movado sur bazo demokratia. Konstatinte la truhavan strukturon de nia nuna organizo, kies ĉefaj eraroj troviĝas en manko de senpera decidrajto de la esp-ista »popolo« kaj en manko de sana bazo financa, Baghy proponas reorganizon laŭ jenaj principoj : 1) Kontribui al la Universalaj Kongresoj plej altan suverenecon en la movado tiel, ke la kongresoj fariĝas la vera leĝdona parlamento de nia movado, 2) Krei stabilan fiskan bazon por la movado en formo de oficiala esp-ista depago. Ĉi-ambaŭ principoj estas la primitivaj nekontesteblaj kondiĉoj de ĉiu racia politika organizo, el kiu sekvas aliaj gravaj avantaĝoj : 1) La senpera kontaktiĝo de la esp-istoj kun la movado per la oficiala depago, donanta la t. n. rajton de aktiveco (t. e. voĉdonrajton dum la elektoj de ofic. delegitoj al la parlamenta kongreso), 2) Solida financa fondo (kaj fonto), kies enspezoj — dank' al la oficiala depago — atingos laŭ Baghy la sumon de 241.000 ŝv. fr. en periodo trijara (se oni kalkulas la proksimuman nombron de aktivaj esp-istoj je 100.000).

La ĝeneralaj trajtoj de tiu projekto estas tiel klaraj kaj logikaj, ke ĉiu serioza samideano facile konsentos pri ili, eĉ se oni pri kelkaj aliaj detaloj havas malsaman opinion. Ekz. krom la oficialan depagon, kiu estu konscia devo por ĉiu aktiva esp-isto, Baghy ankoraŭ proponas starigon de monofera fondo, kiu imitus la roman Petrogroŝon. Nu la ideo pri monoferoj certe ne konformas al la nunaj konceptoj. Serioza universala movado, kiel la nia, ne povas ludi *oficialan* filantropion. La E-movado devas posedi sian fonton de normalaj enspezoj, kiujn sole povas garantii oficiala konscia depago, kompensanta la paganton per rajtoj de aktiveco.

Neniu serioza esp-isto, studanta la nunajn rilatojn en nia movado, pridubas la necesecon de ĝia reorganizo. Se oni komparas la projekton de Baghy kun aliaj tiurilataj projektoj oni nepre konsentos, ke tiu de Baghy estas la sola ebla bazo por diskuti kaj efektivigi la reorganizon, kiun oni ĝenerale forte aspiras. Mi rekomendas do la tre interesan broŝuron de Baghy al la serioza atento de ĉiu aktiva samideano.

*I. Lejzerowicz.*

*M. KIDOSAKI : ZAMENHOFA LEGOLIBRO* (Eld. Japana Esperanto Instituto ; 146 p.

Zamenhofajoj, pie kolektitaj kaj en la dua parto de la libro : legaĵoj pri Zamenhof. La tuta libro estas modela legolibro ĉu el ekstera, ĉu el interna vidpunkto ; tamen sola riproĉo : eksterordinara riĉeco en preseraroj.

*F. Szilágyi.*

NYCKEL TILL ESPERANTO (Ŝlosilo de Esperanto). Laŭ la normoj de I. C. K. eldonita de Eldona Societo Esperanto, Stockholm. I. 9-a eldono, 100-a—120-a milo.

En malpli ol du jaroj vendinte 20,000 ŝlosilojn, la sveda eldonejo esperantista reeldonis ĝin en 20,000 ekz. La nova eldono estas tute novkompostita kaj presita per kliŝoj. La vortaro estas iom pliriĉigita. La nova ŝlosilo donas tre agrablan impreson pro sia klara preso kaj bona papero.

120,000 ŝlosiloj en la sveda lingvo, jen bona pruvo pri la multa laboro farita por nia afero.

*NOVAJ REVUOJ.* 1.) Scienca Gazeto Esperanta (Eld. Amerika Esp.-Instituto, Madison, Wis. USA) 2.) Revuo de etnografio, folkloro kaj turismo. (Eld. T. Kovács, Rákosszentmihály, Hungarujo.)

Abonprezo por la unua 1.— dolaro jare (6 n-roj) por la dua po ekzemplero 0.50 P. Haveblaj ambaŭ ĉe Literatura Mondo, specimeno por unu respondkupono.

Kun granda ĝojo mi tralegis la januar-februaran numeron de la nova, amerika revuo.. La redaktoro bonege elektis la artikolojn, kiuj estas sciencaj kaj samtempe interesaj ankaŭ por la laikuloj. Esperanto estas determinata por tiaj celoj, kiujn la nova gazeto servas. El la riĉa enhavo mi mencias la interesan geografian artikolon pri la insulo Paskuo de Sepulveda Cuadra, la popularan legaĵon pri la kaŭĉuko de Coleman, la artikolon de Rikov pri la antikvaj finnoj, la priskribon de la Kongodanco en Piratujo ktp.

Same bona estas la ideo de la due menciita revuo, kiu ankoraŭ nun estas nur litografita, sed esperebie plenkreskos. La artikoloj estas interesaj. Speciale plaĉis al mi la freŝe verkita lirika priskribo de F. Rudolf. (En Ŝvabujo.)

*F. Szilágyi.*

STENOGRAFA KONKURSO. Fluganta Skribilo anoncas stenografan konkurson per la sistemo Duployè Flageul. Interesiĝantoj skribu al Sro P. Flageul, 9. BD. Voltaire, Issy-les Moulineaux, Seine, Francujo.

KUO MIN UNIVERSITATO eldonis interesan flugfolion kontraŭ la japanoj. La kvarpaĝa flugfolio per interesaj faktoj klopodas pruvi la pravon de la ĉinoj kaj estas nova dokumento pri tio, kiamaniere oni povas uzi esperanton en internaciaj rilatoj. La flugfolion sendas al ĉiu senpage Kuo Min Universitato, Canton, Ĉinujo.

*JOSEF ZAUNER : DER WEG ZUR EUROPA-PARTEI.* (Der Ausweg USE.) 32 paĝoj. Prezo 0.12 dolaro. Eldonejo: Libro, Strada Lonovici 1. Timiŝoara-Temesvár, Rumanujo. Germanlingva broŝuro de la pioniro de la USE-ideo. Jen sekvas la programpunktoj de USE (Unuiĝintaj Ŝtatoj de Eŭropo) : 1. Kreo de ju pli grandaj ekonomiaj teritorioj. 2. USE enhavu ankaŭ Britujon kaj Ruslandon. 3. Vasta aŭtonomio por la ŝtatoj, provincoj kaj urboj. 4. En USE unuecaj, do komunaj estas la mono, la armeo, la dogana kaj ekstera politikoj. 5. Por Eŭropo la oficiala lingvo estas Esperanto.

*PROTOKOLARO PRI LA XI-A KONGRESO EN AMSTERDAMO 2—7 AUGUSTO 1931 DE SAT.* (Eld. SAT, 23. Rue Boyer, Paris ; 110 p.) Plena protokolaro de la XI-a SAT kongreso, kiun kompletigas la diversaj raportoj, laŭ kiuj estas konstateble, ke la asocio laboras energiplene inter la malfacilaj cirkonstancoj kaj bataloj. La interesan portokolon povas ĉiu havigi al si por 0.50 sv. frankoj.

*F. Szilágyi.*

*ELDONAJOJ DE EKRELO.* 1.) La krizo. Iom el la aktuala politiko. (24 p. Prezo : 0.15 GM.) 2.) H. M. Ĥrima : Ĉe abismo. Rakontoj. (46 p. Prezo : 0.45 GM.) 3.) V. Kuzmiĉ : Solidareco. Novelo. (66 p. Prezo : 0.90 GM.)

La unua kajero pritraktas la krizon de la kapitalismo kaj komparas ĝin al la situacio de USSR. La malamaj atakoj kontraŭ la socialdemokratoj estas plene karakterizaj je tio, kiel disigeblaj estas homoj, kiuj ekiris de la sama punkto kun la sama celo.

La rakontoj de Ĥrima havas ian kaosan forton, pri kiu oni ne povas ankoraŭ aŭguri, ĉu la talento de la verkisto disfluos, aŭ koncentriĝos. La noveloj estas verve verkitaj, sed la energio, kiu kelkfoje imponas, estas ofte akvumita de primitiva sentimentaleco, naiveco.

El la tri libretoj la plej valora estas la »Solidareco«, kiu prirakontas sangan revolucian epizodon. La rakontmaniero de la aŭtoro plastike figuras la eksplodoplenan revolucian epokon kaj la romanticismaj trajtoj, kiujn la verkisto tute ne malhavas, ne malutilas al la novelo. La naiveco kaj la rafinitaj ekstremoj drame miksiĝas. La tuta sangoplena rakonto ne estus estinta verŝajna antaŭ dudek jaroj, sed nun ni jam prilernis ĉion kredi. La figuroj estas sovaĝaj, konkretigitaj el abstraktaĵoj, tamen vivplenaj — kelkloke eĉ tro.

*F. Szilágyi.*

*LA PAŜOJ DE LA JARKVINO.* (Kunmetis N. Potapĉik. Eld. Centreldon, Ĥarkovo-Kievo, 112. p. Prezo : 0.60 dol.

Pri la rusa sociordo oni povas diversmaniere opinii kaj disputi, sed neniu povas kontesti, ke tiu fortostreĉo, kiun la rusa laboristaro dum la lastaj jaroj produktis, estas impona kaj estiminda. Mem la kvinjara plano, la reguligo de la disemaj homaj agadoj, estas vasta ideo, kiun la ĝisnuna historio ne povis ekkapti kaj regi pro ĝia giganteco. La unua kvinjaro estis etapo de tiu ĉi kolosa provo kaj ne neante la ĝisnunajn rezultojn, ni devas tamen pendigi nian finkonkludon, ĝis pasas iom da tempo, kiu ebligos la perspektivan vidon de la afero. Sed la okazajoj havas tre interesajn detalojn kaj tiuj ne estas nur teknikaj fenomenoj, sed ankaŭ tre atentindaj psikologiaj aperajoj : ekz : kiel sorbiĝis la nova sistemo, la planagado en la animon de la laboristo kaj laboristaro, kiel anstataŭas la kapitalisman konkuron la vetlaboro de la laboristaj grupoj, kio estas nun la instigilaro de la homaj energioj en Ruslando.

Jam kelkfoje mi havis okazon paroli pri rusaj libroj, sed ĝis nun mi povis konstati nur tion, ke la esperantajoj, aperintaj sub rusaj flugiloj, ĝenerale ne pruvas la estantecon de la vera literaturo. La verkoj ĝenerale diboĉas en ia furioza maltrankvilo, ili havas ian senharmonian trajton, kiu estas eble natura konsekvenco de la cirkonstancoj, akompanantaj ĉiun naskiĝon, sed ili ne efikas laŭ la sugesto de la aŭtoroj. La rusaj esperantlingvaj literaturajoj ĝenerale ne estas bonaj propagandverkoj, ĉar ili ne povas konvinki pro sia trostreĉita, senharmonia furiozeco. Ĉar ne forgesu : energio kaj furiozo ne estas la samaj. Sed la libro, kiun mi nun tralegis, la kolektitaj artikoloj pri la efektivigo de la kvinjara plano, estas escepto. En tiu ĉi libro preskaŭ ĉiu artikolo estas speciala literatura perlo. Speciala, tute ne ŝablona. Forta energio, sincera entuziasmo radiadas el la libro, senpera arto kaj harmonia ritmo eksonas en ĝi, himno al la Maŝino, al la nova idolo, kreita de la homo. La Maŝino, kvazaŭ ĉesas esti simbolo, konkretiĝas kaj aŭdigas celkonsciajn ordonojn. Sub la literoj sin kaŝas nova metafiziko.

En la febraj, mallongaj frazoj de la diversaj aŭtoroj flamas la sama vervo, sene, ke oni pensus la artikolojn nenaturaj, perfortaj. Ia motora forto antaŭenflugigas la leganton kaj la viva priskribo de la kreado sur la sovaĝaj teritorioj, kie nun industriaj fortikajoj defendas la interesojn, estas multe pli valora kaj konvinka produkto de la rusa-esperanta literaturo, ol la duone pasiaj, duone limonadaj, kutimaj literaturajoj.

La ekstera formo de la libro estas tute aĉa. Ĝi estas malpropagando de la rusa paperfabrikado.

*F. Szilágyi.*

Pestvidéki Nyomda Vácon. Felelős szerkesztő: Bodó Károly. Felelős kiadó: Zöldy István